FRANCA ESPERANTISTO

REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

FONDITA en 1908. TRIA SERIO

29a JARO — N° 200. JULIO 1961

U.E.F. 34, Rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.




(Cliché L'Indépendant du Midi)

# 2e SEMAINE PÉDAGOGIQUE ESPÉRANTISTE A PERPIGNAN

Une partie des assistants au Vin d'Honneur offert par le Centre Culturel Espérantiste aux stagiaires et personnalités : de gauche à droite, M. Jean LLECH, M. André RIBOT, M. René LLECH-WALTER, Président de l'U.E.F., M. GERVAIS, Chef Départemental de la Jeunesse et des Sports, le majoral Charles GRANDO et M. CAZES, Directeur Départemental des P.T.T.

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**OFICIALA ORGANO DE U.E.F. (Unio Esperantista Franca)**
**34, Rue de Chabrol, Paris Xe C.C.P. 855-35 Paris.**

**JAR-ABONO : 7 NF. Por eksterlandaj abonantoj : 10 NF**
**Kotizoj por U.E.F. kaj U.E.A. indikitaj en antaŭa numéro.**

**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**

**M. Paul CILIGA**, E.U.F., 34, rue de Chabrol, PARIS Xe. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un double interligne. Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

## MISE AU POINT

L'Union Espérantiste Française et la Commission Scolaire estiment nécessaire de rappeler les deux principes suivants :

1) L'espéranto n'a jamais été conçu pour se substituer à une langue nationale ; selon les intentions du Dr ZAMENHOF, il est et doit rester uniquement une langue internationale.

2) L'Enseignement de l'espéranto, tel que le demandent les deux Organisations précitées, ne doit revêtir aucun caractère d'obligation ; c'est uniquement à titre facultatif que cet enseignement doit être mis à la disposition des familles et des élèves qui désirent en bénéficier.

En conséquence, la Rédaction de FRANCA ESPERANTISTO refusera tout article ou communiqué dont les termes ou l'esprit ne serait pas conforme aux deux principes ci-dessus.

| Le Bureau de l'U.E.F. | La Commission Scolaire : |
|---|---|
| MM. LLECH-WALTER | MM. BIDOIT |
| PETIT | CLOPEAU |
| GUILLAUME | JULLIEN |
| RIBOT | MARTIN |
| ROUSSEAU | |
| THIERRY | |

Sinjoro Profesoro Ludoviko KIRALY eks-lernejdirektoro, delegito de U.E.A. prezidanto de la Esperanto-Klubo, gvidanto de multaj esperanto-kursoj, en sia 72-a vivjaro, post sia 50 jara Esperantista jubileo forpasis la 10-an de Januaro 1961 en Miskolc (Hungario).

**ACADEMIE DE RENNES**

Le 1er février, M. Martin, agrégé de l'Université, fit une conférence remarquable sur le sujet suivant : Les langues et les relations internationales.

C'est en présence de M. Prevel, Proviseur du Lycée technique, et de Mme Leroy, présidente des Parents d'élèves, que M. Martin, professeur au Lycée technique, prit la parole devant un public du Bureau Universitaire où siégeaient également plusieurs professeurs de langues vivantes...

Après que M. Decaen, directeur régional du Bureau Universitaire, eût signalé la valeur culturelle de l'Espéranto... le conférencier, au demeurant angliciste distingué, entama un éloge de la Langue Internationale aussi vibrant que documenté.

M. Martin évoqua un sujet d'examen officiel : en 1957 on proposait à la méditation des candidats au concours des Ecoles nationales d'Ingénieurs des Arts et Métiers le sujet suivant :

Le langage de la technique est devenu universel. Les méthodes de calcul, de dessin, les termes techniques en usage sont les mêmes dans tous les pays du monde. Ne pensez-vous pas que, parallèlement, le moment soit venu d'adopter une langue universelle complémentaire des langues existantes ? Des tentatives ont déjà eu lieu dans ce sens. Ne devrait-on pas les encourager ? Montrez les avantages et inconvénients que présenterait cette langue commune.

L'intérêt de cette conférence fut souligné par le journal « OUEST-FRANCE ».

CHIMIE ANALYTIQUE — Januaro 1961 — En sia enkonduko la ĉefredaktoro plendas pri la malfacilecoj kaŭzitaj de la lingva diverseco inter la sciencaj eldonajoj. Li opinias, ke **Esperanto** estas teorie bona solvo, sed malmultaj homoj nun kapablas uzi ĝin.

A. Andrieu. — Nemours.

# KONGRESO FINIĜIS

Tri tagoj da kongreso rapide forflugas tiom pli, ke en Epernay la kongresanoj nombrantaj ĉirkaŭ 90, trovis tre agrablan etoson kaj perfektan organizadon, pro kiuj ni tre sincere dankas al la *Organiza Komitato*, precipe al S-roj DEBEAUNE kaj DEBAR.

La sabaton, dum iom post iom alvenis la kongresanoj, okazis la vizito de la urbo kaj de la keloj de la ĉampanfabriko *Moet et Chandon*. Je la 5a, la Estraro de UEF kunvenis por finpretigi la morgaŭan kunsidon ; tuj poste, S-ro GUILLAUME, Ĉefdelegito de UEA, kunvenigis la delegitojn de nia granda Asocio por diskuti pri ties specialaj demandoj kaj prezenti sugestojn al UEA. Postvespermanĝe granda balo proponis sian amuzadon al grandnombra publiko... kaj tio ĝis la frua mateno de l'dimanĉo.

Dimanĉe je la 9a, la ĝenerala kunveno de la kongreso malfermiĝis en la urba teatro ; sur la podio sidis S-roj CHAGNOUX, DEBEAUNE, GOUGET, GUILLAUME, LLECH-WALTER, PETIT, POLY, RIBOT, ROUSSEAU kaj THIERRY. S-ro DEBEAUNE, *prezidanto de la loka* grupo, salutas la kongresanojn, dankas kaj gratulas la LKK, laŭdas la imitindan kongreslibre oton kaj elvokas la memoron de la iamaj pioniroj de Epernay, nome S-ro René LEMAIRE, kun kies filo ni plezure konatiĝis. Pluraj salutleteroj atingis la kongreson, de S-ro HOLMES, Prezidanto de UEA, F-ino VERMAAS, Direktorino, Ges-oj Frida Christaller, Hans Helbig, Maillard, Albault, Cheverry, Trésorier, Agourtine, Ferez, Jelenc, Jossinet, Michel, Milon, Odent, Perrin kaj Saretto.

Aprobo de la protokolo de la kongreso en Montélimar ; legado de la ĉi-jara raporto pri la agado de UEF kaj diskuto. La kunveno esprimas sian dankon al F-ino PAULIER pro la valoro de ŝia laboro, kaj al S-ro GERRIER, F-inoj BETTMANN kaj SUCHAREAU kiuj beligis nian centron.

S-ro ROUSSEAU, kasisto, donas ĉiujn ciferojn kaj klarigojn pri financoj, kies stato danke lin restas kontentiga.

S-ro THIERRY poste komencas raporton pri **FRANCA ESPERANTISTO** ; malfacila kaj tikla demando, ĉar se ĉiuj laŭdas la nunan prezenton de tiu bela revuo, multaj deziras, ke ĝi aperu regule kaj, se eble, ĉiumonate. Al tiu ĉi deziro povas respondi nur la legantoj, varbante senlace novajn abonantojn. Kiam nia revuo povos eldoniĝi je 5.000 ekzempleroj, ne plu ekzistos problemoj. El la diskutoj, ni reliefigos ke :

S-ro THIERRY bezonas regulajn kaj konstantajn kunlaborantojn por difinitaj rubrikoj ; la nombro de la abonantoj devas nepre kreski ; pri la lingvo : Franca aŭ Esperanta, post longa diskutado evidentiĝis, ke nia bulteno pro multaj kialoj devas resti *dulingva*. Nepre necesas trovi unu kompetentan personon por centrigi, ordigi kaj redakti la rubrikon « Vivo de la Grupoj kaj Federacioj ».

Nome, partoprenis en la diskuto : S-roj MAILLARD (per skriba raporto), MAZETTI, PETIT kaj GILOTEAUX. S-ro CILIGA refariĝas *Redaktoro de F.E.* kaj insiste petas, ke manifestiĝu rubrikestro por prizorgi la grupkomunikojn. Sen tio, li devos *reeksiĝi*. Nia nova eldonplano antaŭvidas inter aliaj 4 pli ampleksajn numerojn dum la jaro.

S-ro GUILLAUME parolas pri UEA ; tiu ĉi Asocio kandidatiĝis por la *Nobelpremio* ; ĝi planas agadon en Azio kaj Afriko. En la venontaj jaroj, la U.K. okazos principe en Kopenhago, Sofio, Parizo kaj Tokio.

S-ro PETIT altiras la atenton de la kongresanoj pri la admirinda agado plenumita de S-ino HAUDEBINE en Hindujo.

S-ro ROUGETET legas raporton pri la agado de la « *Comité Français d'Information Espérantiste* », en kiu li sukcesis partoprenigi la plej famajn homojn ! Pro tio li meritas nian dankemon. Antaŭ nelonge, S-ro ROUGETET dissendis al 150 eminentuloj de la instruanta medio, ses gravajn dokumentojn pri Esperanto.

Unu triono de la UEF-Komitato estas rebalotita, temas pri S-roj RIBOT, ROUSSEAU, THIERRY, WARINGHIEN ; plie, nove elektitaj : S-ro ROUGETET kaj MANCEAU, kiujn ni bonvenigas inter ni.

La matena kunsido finiĝas per tre bela parolado de hispana samideano, S-ro RODRIGUEZ DA SILVA (Madrido) pri la graveco de nia lingvo por la *Komuna Merkato*.

Tagmeze okazas la tradicia ĝenerala fotado kaj honorvino, ĉe kiu ĉeestas S-roj MENU, *Senatano-Urbestro de Epernay*. Li parolas, same kiel S-roj DEBEAUNE, LLECH-WALTER, PETIT kaj RODRIGUEZ.

Post la komuna manĝo ni aŭskultas la raportojn de la federacioj : *Languedoc-Roussillon* (LLECH-WALTER) — *Rhône-Alpes* (MAZETTI) — *Bourgogne* (CUGNY) — *Est* (CHAPPELIER) — *Massif Central* (CHAGNOUX) — *Normandie* (S-ino VINCENT) — GROUPE *Renault, Le Mans* (S-ro X...) — *Nord-Est* (DEBEAUNE) — *Franche-Comté* (F-ino KOHLER) — *Kampadistoj* (GOUGET) — *Alĝerio* (JELENC) — *Fervojistoj* (CHAPPELIER).

Fine, alvenas la plej grava programero (kiu meritus diskuton dum la matena kunsido) t. e. la *Lerneja Agado*. S-ro RIBOT resumas la ĉefajn okazaĵojn pri la *Lerneja Komisiono*. Pri tiu ĉi Komisiono la GEE dum sia paska kongreso decidis rezigni, konsilante tamen al siaj reprezentantoj, S-roj BIDOIT kaj CLOPEAU, ankaŭ membroj de UEF, resti en la Komisiono. Post propono de S-ro RIBOT la ĝenerala kunveno unuanime esprimas sian deziron, ke tiuj du Komisionanoj reprezentu UEF kun S-roj JULLIEN, MARTIN kaj RIBOT.

En Perpignan S-ro LLECH-WALTER kun la apogo de la oficialai instancoj organizas *pedagogian semajnon pri Esperanto*, en kiu semajno partoprenas alilandaj prelegantoj.

S-ro GUILLAUME atentigas pri la apero de Komerca Adresaro.

S-ro LLECH-WALTER anoncas la freŝdatan forpason de nia eminenta samideano Generalo BASTIEN ; memortabulo estos fiksita sur lia tombo ; la kongresanoj ekstaras unu minuton por honori lian memoron.

S-ro CILIGA parolas pri TEJO, kies *franca sekcio* estas reorganizita suj la gvidado de S-ro Michel TURIN.

S-ro PETIT : la Kongreso de la Popoluniversitatoj okazos de la 14a ĝis la 17a de septembro. Inter proponoj estos unu por enkonduko de la Lingvo Internacia por kulturaj celoj.

S-ro Albert JOLY, de Besançon, partoprenis seninterrompe dum 25 jaroj ĉiujn naciajn kaj internaciajn kongresojn ; gratulojn al tiu jubileanto.

S-ro PETIT aludas novan organizan planon kaj eblecojn organizi rondvojaĝojn por diversaj eksterlandaj samideanoj tra Francujo. Ni antaŭvidas ankaŭ aranĝojn de *Csehkursoj* por niaj grupoj.

*Reklamo en gazetoj.* — Laŭ propone de UEA ni studis la eblecon fari anoncojn en gazetoj. Principe ni povos provi tion ĉi komence de la vintro, kaj S-ro GILOTEAUX faros proponon kaj planojn por la estraro de UEF.

*NACIA KONGRESO* 1962. — Ni komisias S-inon CHEVERRY, prezidantinon de la Grupo de Angers, kaj S-ron RIBOT organizi ĝin *en Baugé*, fakte en Esperantujo.

La Ĝenerala Sekretario : A. RIBOT



## *KONGRESO DE FRANCAJ POPOLUNIVERSITATOJ.*

Dum tri tagoj, delegitoj de francaj popoluniversitatoj lasttempe partoprenis en Lille la nacian kongreson de sia federacio. La programo estis altnivela kaj impona pro la ĉeesto de eminentuloj. Vojaĝo al proksima Belgujo (Bruĝo), teatra vespero, bandeko kaj vizito de la belega muzeo de Lille ege interesis la kongresanojn kaj la gastojn.

Dum la laborkunsidoj, kiujn prezidis S-ro André MARIE, iama ĉefministro kaj iama ministro pri edukado, intervenis amikoj de esperanto. Temis pri S-ro Pierre PETIT, internacia prezidanto de la Popoluniversitatoj kaj D-ro Marcel MOLLION, prezidanto de la internacia kultura asocio de la fervojistoj.

Krome S-ro Jean GUITTON, prelegis pri la lasta konferenco de UNESCO, kiu detale studis aktualajn demandojn de la edukado por la plenaĝuloj.

En la kongreso, S-ro Lucien GILOTEAUX reprezentis U.E.F.



## GRAVA INFORMO

PRINCO BERNHARD DE LIPPE, el NEDERLANDO, PREZIDOS EN LA FRANCA UNIVERSITATA URBO TOULOUSE, en SEPTEMBRO, LA KONGRESON DE LA STUDENTOJ DE LA EŬROPA JUNULARO.

Per sia numero de la 2a de junio 1961, la plej grava tuluza gazeto LA DEPECHE DU MIDI informis sian legantaron, ke de la 25a ĝis et la 30a de la venonta septembro, okazos en Tuluzo, tia kongreso, kun la partopreno de la plej elstaraj eminentuloj.

La oficiala celo de tiu kongreso estas « RELIEFIGI LA NORMOJN DE LA EŬROPA KULTURO KAJ LA HOMAN KONDUTON ANTAŬ LA NUNTEMPA VIVO ». Krome, kvar ĉefaj partoj estas jam difinitaj en la programo de tiu Kongreso :

1) Bilanco kaj geopolitikaj faktoroj de Eŭropo.
2) Estonteco de la eŭropa ekonomio.
3) Bazaj politikaj liberecoj.
4) Kulturo kaj tekniko.

Post konsiliĝo kun S-ro D-ro ALBAULT, Prezidanto de la Esperantista Tuluza Grupo, ni decidis :

a) Diskonigi per ĉiuj eblaj rimedoj : esperanta gazetaro, cirkuleroj, personaj kontaktoj ktp. la datojn kaj konitajn faktorojn pri tiu kongreso, incitante la esp. gestudentojn partopreni en ĝi.

b) Inviti la eventualajn partoprenontojn ekrilati — kiel eble plej baldaŭ — kun D-ro ALBAULT 8 Avenue Etienne Billières TOULOUSE ; li certe organizos tiam kontakton en Tuluzo por la esperantistoj.

c) Peti la helpon de ĉiuj esperantistaj Asocioj kaj Organizaĵoj, por ke la esp. partopreno al tiu kongreso estu kiel eble plej grandnombra kaj brila.

Ĉar 400 gestudentoj pri diversaj fakoj, venintaj de 18 landoj de la Okcidenta Eŭropo, partoprenos tiun manifestacion, estas antaŭvidinde, ke la interkompreniĝo kaj la lingvo-problemo ebligos la atenton al esperantista delegitaro, se nur ĝi konsistos el kapablaj kaj seriozaj delegitoj !

A. RIBOT.

---

## *PETRO STOJAN mortis.*

Laŭ bulteno NEOS N° 22, mortis (aŭ sin mortigis) en Nico la 3-an de Majo 1961, S-ro Petro STOJAN.

Lasta verko : « Renova Idéo-Langue exter-nationale basée sur la « Vindiana » par Pétro STOJAN, licencié ès-sciences — 1960 — Nice. (32 paĝa, parte presita, parte mimeografa, broŝuro sub kovrilo).

D-ro A. ALBAULT diras, ke ĝi konsistas el strangaj, ne plene klarigitaj ideoj, en la stilo de l'antaŭa verketo « VINDIANA », kun skemoj, nekutimaj literoj, ortografioj — eble bonaj sed ne klarigitaj.

---

# LA DISTROVESPERO

Kiel ĉiuj eroj de tiu bone organizita kongreso, la kurteno leviĝis akurate sur la orkestro R. SEBILLE unua numero de la programo de la teatra kaj arta vespero de la 53-a *Kongreso de Esperanto*.

La gedancistoj de la « *Maison Culturelle des Jeunes* » en Epernay estis enmetitaj inter la diversaj dancoj, kiujn ili prezentis — dancon skoltan kiel instigilon por la malfruiĝantoj, kiuj ankoraŭ ne aliĝis al la 46-a *U.K. en Harrogate*.

Ni menciu aparte la junan esperantiston J.M. DELOT, kiu estis surscene, por deklami poemon, tiel vigla, kiel li estis la antaŭan vesperon dum la balo.

La muzika parto de la programo estis iom ampleksa, sed ni devas gratuli la organizintojn, ĉar ili sukcesis prezentigi valorajn ariojn kaj allogan spektaklon kun la akordionistoj lumigitaj per « *Nigra lumo* » (les Moussé).

Dank'al la helpemo de S-ano COLOMB, *prezidanto de la Poŝtista Esperantista Asocio*, ni povis vidi filmon pri poŝto kaj aŭdi samtempe *en esperanto* la klarigojn elparolitajn de S-ino LACOMBE kaj S-ro DARNAULT.

Tiu ĉi filmo estas la unua, kiun la publikrilata fako de P. et T. pruntedonis al sia esperantista associo por komentigi en Esperanto. Ni povas nur rekomendi *precipe al la eksterlandaj asocioj* peti la prunton de tiu filmo.

Kaj fine, ĉar fakte tio estis la lasta ero de la programo, ni eniris en oficejon T.I.K.L.A.N. Tie ĉi, ni ĉeesti antaŭ pluraj diskutoj pri loĝado aŭ pli precize pri malfacilaĵoj por ricevi konvenan loĝadon en tiu lando, kiu nomiĝas « ĈIESLANDO » (kompreneble sameco kun jam okazintaj samaj situacioj estas nur hazardo) !

La aktoroj estis tiuj el la Teatra Fervojista Grupo « *La Pepuloj* » kiujn oni devas *tre gratuli*. Ĉar mi havis la plezuron jam vidi tiun teatraĵon, mi povas malkovri al vi, ke la prezentado en Epernay estis pli ĝusta ol la unuan fojon.

Kvankam la aŭtoro ĉe la komenco de la teatraĵo, estas doninta rolon surscenan al la sufloro (Michel AUDIBERT), tiu ĉi poste ne povis deĵori kiel vera sufloro, ĉar unue mankis la suflorkesto, kaj la loko, kiun li estis elektinta en la kulisoj, estis ŝtopita de la dekoracio.

Estas ĉiam malfacile paroli pli pri unu aktoro ol pri alia. Tamen laŭ la roloj ni menciu S-ron DELAQUAISE (ĉu li estas tiel moviĝema en sia oficejo kiel sur scenejo) ? F-inon LHERMITTE kaj S-inon LACOMBE. La « ĉefo » (S-ro COYAC) aspektu pli « ĉefa », laŭ mia propra opinio. Kaj kiel fakulo, ĉu mi povas aldoni, ke F-ino VONAY tajpis ne sufiĉe rapide ?

Krome, la *Esperantista ĥoro* de Epernay montris al ni, kiamaniere oni povas ankaŭ lerni Esperanton samtempe sin distrante.

Konklude, bonajn memoraĵojn ni kunportis hejmen, kaj aldonis al tiuj, kiujn ni jam konservas de la antaŭaj kongresoj. Ili devas instigi ĉiam pli kaj pli da esperantistoj ĉeesti la nacian kongreson.

Jack A. ROUSSEAU



F 9 E D al ĉiuj RADIOAMATOROJ ESPERANTISTOJ =

Kio estas farita ĝis nun pri MORSA KODO ESPERANTA ?

Verŝajne nenio.

Kion vi opinias pri ĉi tiu projekto ?

| | |
|---|---|
| A . — | K — . — |
| B — . . . | L . — . . |
| C — . — . | M — — |
| Ĉ — . — . . aŭ CH | N — . |
| D — . . | O — — — |
| E . | P . — — . |
| F . . — . | R . — . |
| G — — . | S . . . |
| Ĝ — — — . aŭ GH | Ŝ — — — — aŭ SH |
| H . . . | T — |
| Ĥ — . . — aŭ HH. | U . . — |
| I . . | ŭ . . — — aŭ . — — |
| J . — — — | V . . . — |
| Ĵ — . — — aŭ JH | Z — — . . |

VS . . . — . . . Esperantlingve (per Morsa Kodo Esperanta)

C Q V S = Al ĉiuj Esperantistoj Radiostacioj.

Bonajn 73 kaj Samideane.



**Radio-Zagreb**, ondolongo 264,7 m, jaŭdo, elsendohoro 23 laŭ MET 22 « Greniĉo.

**Programo por Julio 1961.**

la 6-an Pri la jugoslavia lernej-sistemo.
« 13-an Turisma promeno.
« 20-an Dramaj fragmentoj.
27-an Novajoj el la movado kaj respondoj al korespondantoj.

**Aŭgusto 1961.**

la 3-an Raportajo el la kampadejo « Primoŝten ».
10-an Ruĝer Bosković, la granda fizikisto.
17-an Raportajo pri la UK en Harrogate.
24-an « »
« 31-an Novajoj el la movado kaj respondoj al korespondantoj.



## 6-a Internacia infana kongreseto.

### FARIĜU « ADOPTAJ GEPATROJ »

En la pasinta jaro pli ol 70 individuaj esperantistoj aŭ esperantistaj organizaĵoj respondis al la alvoko de la Kongresa Komitato de Bruselo fariĝi « Adoptaj Gepatroj ». En la daŭro de kelkaj monatoj la kapitalo tiel kolektita sufiĉis por inviti 10 infanojn el landoj malproksimaj aŭ kun devizaj malfacilaĵoj (4 estis el Finnlando, 3 el Pollando kaj 3 el Jugoslavio). La operacio « Adoptaj Gepatroj » multe kontribuis al la sukceso de la Kongreseto, kiu por la unua fojo kolektis la rekordan nombron de 87 infanoj.

Ankaŭ en la nuna jaro la Kongresa Komitato troviĝis antaŭ la problemo, ke multaj etuloj — modele parolantaj Esperanton — sopiras partopreni en la ĉiujara festo de la esperantista infanaro, sed ne povas plenumi sian deziron pro manko de mono aŭ, eĉ havante la monon, pro manko de devizoj por la forveturo. La Kongresa Komitato de Harrogate opinias, ke la meritoj pli valoras ol la financoj kaj ke la kolektiva volo kaj entuziasmo de la Esperanto-Movado povas ankoraŭfoje solvi la malfacilaĵojn.

Kiel organizanto de la 6-a Internacia Infana Kongreseto, L.K.K.-Harrogate sin turnas al la unuopaj esperantistoj tra la mondo, al la Landaj, Fakaj kaj Lokaj esperantistaj societoj kaj al ĉiu, por kiu la feliĉo de tiuj infanoj kaj la estonto de la Internacia Lingvo estas kara, kun varma alvoko malavare fariĝi « Adoptaj Gepatroj ». La kotizo estas fiksita je 3 anglaj pundoj, pageblaj ĉe la konto de la 46-a Universala Kongreso de Esperanto (Midland Bank Ltd., Harrogate) aŭ ĉe la Kongresaj Perantoj. La « adopto » ne rilatas al aparta infano, sed al komuna kaso. La sumoj kolektitaj per la kotizoj de la « Adoptaj Gepatroj » estos uzataj ekskluzive por pagi la vetur- kaj restadkostojn al infanoj (kaj eventuale al unu aŭ du akompanantoj) el landoj malproksimaj aŭ kun devizaj malfacilaĵoj aŭ el nebonstataj familioj. Ĉiuj « Adoptaj Gepatroj » ricevos memordiplomon, kiu estos transdonita publike dum la infana prezentado, kaj ilia nomo estos enskribita en la albumo de la Infana Kongreseto, kiu estas transdonata de Kongreseto al Kongreseto.

Ĉiu esperantisto helpu al tiu ĉi kampanjo, subtenu la klopodojn fari la Infanan Kongreseton pli internacia kaj apogu laŭ tiu vojo la disvastigon de Esperanto ĉe la plej juna generacio. Ni dankas en la nomo de la helpotaj infanoj.

*La Loka Kongresa Komitato.*



Post rapida kaj kruela malsano forpasis la 12 januaro S-ro Luis HERNANDEZ, fondinto kaj eksredaktoro de « Boletin ». Ni kondolencas.

# O. O. A. S.

**OKCIDENT-ORIENTA ADOPTA SERVO (O.O.A.S.)** estiĝis en aprilo de 1955, kiam mi estis jese respondinta al alvoko de S-ro André RIBOT.

Kompreneble la Servo pli kaj pli kreskadis kaj tre frue la petantoj fariĝis multe pli nombraj ol la adoptantoj.

Dum la jaro 1956, mi ricevis nur 14 petojn kaj 9 en 1957 ; sed 23 en 1958, 44 en 1959 kaj 27 en 1960. Do sume mi enlistigis 117 Adoptotojn kiuj interdividiĝis tiele :

28 Poloj
25 Hungaroj
19 Bulgaroj
18 Ĉeĥoj
15 el Sovet-Unio
5 el Germanujo
4 el Rumanio
3 el Jugoslavio.

Bedaŭrinde nur 41 adoptadoj povis efektiviĝi (10 en 1960). Sed ĉiu petinto ricevis de mi « atendan sendaĵon », T.E. du aŭ tri jam legitajn gazetojn ricevitajn de francaj aŭ okcidenteŭropaj samideanoj.

La eta budĝeto de O.O.A.S. atingis, je la fino de 1960 : 207,40 NF da enspezoj kaj 181,90 da elspezoj.

La unuaj konsistas el donacoj el kelkaj esperantistoj aŭ simpatiuloj ; la duaj el abonigoj kaj poŝtaj kostoj.

S-ro A. TRIBOUILLARD.

Malfermita letero de O.O.A.S.
al S-ino E. JUNGEAUD,
en Nevers.

Kara Samideanino,

Mi bone ricevis la mandaton de 15 NF, kiun vi bonvolis sendi al OKCIDENT-ORIENTA ADOPTA SERVO la 14an-10-60. Tutkoran dankon.

Tiu nova sendaĵo altigas ĝis DEKOK MIL NAU CENT frankoj la sumon kiun vi ĝis nun donacis al O.O.A.S kaj lokas vin ĉe la unua rango de ĉiuj Adoptintoj.

Mi plezuras anonci al vi ke via senlima malavareco permesis aldoni du novajn nomojn en la listo de viaj Adoptitoj. Temas pri S-ro SANDOR de Papa (Hungarujo) kaj S-ro RUKSENAS de Vilnius (USSR).

Tiel, dank'al vi, Sin-jorino, dekok, Orienteŭropoj (sep Hungaroj, kvar Ĉeĥoj, kvar Bulgaroj, unu Polo, unu Rumano kaj unu USSRano) povas, dum tuta jaro, legi kaj legigi ĉirkaŭ si la okcidentan esperantistan gazetaron. Dank'al vi, novaĵoj kaj ideoj el niaj landoj sukcesas trapasi ĉiajn landlimojn sur la flugiloj de la internacia frateco.

Sed mi demandas min, ĉu via miriga modesteco konscias pri la graveco de via faritaĵo. Car, je la horo kiam la monda paco dependas, esence, de kelkaj malfirmaj interligiloj inter Oriento kaj ceteraj kontinentoj, la valoro de via donacemo estas ja netaksebla.

Dankeme via,

André TRIBOUILLARD, sekretario de O.O.A.S., 7, rue Blanqui, LE PRE-St-GERVAIS (Seine). C.C.P. 3838.98 PARIS.



### *6-A INTERNACIA INFANA KONGRESETO*

*CELO* : La Infana Kongreseto, kiel konstanta institucio de la Universalaj Kongresoj, celas eduki infanojn al internacia amikeco per aplikado de la komuna lingvo Esperanto. La Kongreseto daŭrigas la ekzemplon kaj la etoson de la esperantistaj familioj, kiuj en la ĉiutaga vivo uzadas la Internacian Lingvon. La Kongreseto ne estas lingva seminario : do, ĝi ne akceptas infanojn, kiuj ne povas memstare paroli en Esperanto. Ĝi ne estas infanĝardeno aŭ vartejo, en kiu trookupitaj kongresanoj lasas siajn infanojn. Ĝi estas edukejo, kie la esperantistaj etuloj eke de la fruaj jaroj spertas, en atmosfero de festa, sed disciplinita libereco, internacian komunan vivon kaj tutmondan solidarecon, preter rasaj, naciaj, religiaj aŭ aliaj apartigoj. La Kongreseto celas kuraĝigi la esperantistajn familiojn instrui Esperanton al siaj infanoj, krei kontakton inter la diverslandaj infanoj, kiuj jam konas la Internacian Lingvon, kaj montri al la neesperantistoj la servojn de Esperanto por pli bona internacia kompreniĝado.

*DATOJ* : La Infana Kongreseto okazos en Harrogate de sabato, la 5-an de aŭgusto, je la 8,00 h. ĝis sabato, la 12-an de aŭgusto 1961, je la 12-a h.

*KONDIĈOJ* : La Infana Kongreseto estas rezervita al infanoj de 6 ĝis 13 jaroj, kun eventualaj esceptoj en specialaj kazoj. Malgraŭ plurfoje ripetitaj avertoj, en la pasintaj jaroj daŭre aliĝis infanoj kun nesufiĉaj lingvokonoj.

---

### INTERNACIA KAMPADA RENKONTIĜO

La Interrilata Centro Internacia de la Esperantistaj Kampadistoj (I.C.I.E.K.) organizas de la 22-a ĝis la 27-a de julio venonta, en VALLON-PONT D'ARC (Ardèche-Francujo) okaze de la oficiala inaŭgurado de Internacia Kampadejo « D-ro ZAMENHOF », Internacian Kampadrenkontiĝon, dum la Esperantista Semajno okazigita de la Grupo « VIVARA STELO » el AUBENAS.

Alveno kaj instalado de la kampadistoj : Sabate la 22-a de julio 1961.

La programo, tre alloga, antenas plej agrablajn ekskursojn en regiono Ardèche, interesajn vizitojn al mirinde belaj grotoj kaj al diversaj fabrikoj.

*ALIĜOJ*. — Plenkreskuloj, antaŭ la 31-a de majo : 5 NF (15 st-oj).

Plenkreskuloj, post la 31-a de majo : 8 NF (23 steloj).

Gejunuloj (de 16 ĝis 21 jaroj).
kaj gestudentoj .............. 3 NF (9 steloj)
Infanoj malpli ol 16 jaraj ...... SENPAGE.

Tuj petu kompletan programon kaj aliĝilon de la Kasisto de I.C.I.E.K. : S-ro M. CURNIER, Rue St-Jacques, BERGERAC (Dordogne). Bonvolu aldoni laŭkaze ĉu poŝtmarkon, ĉu internacian respondkuponon.



## INAUGURADO DE KAMPADEJO Dro-ZAMENHOF en VALLON PONT D'ARC

(Ardèche)

### ESPERANTISTA RENKONTIĜO TUTSEMAJNA

### PROGRAMO

*Sabate 22a julio* : Alvenokaj instaliĝo de la partoprenantoj Akceptejo funkcios en la urbdomo Libera tago.

*Dimanĉe 23a Matene* : Superflugado de la mondfamaj kanjonoj de la rivero Ardèche (kosto 25 NF ; nur 12 personoj enskribeblaj — aliĝu frue).
11a : Akcepto en la urbdomo. Fotado.
12.30 : Komuna tagmanĝo en restoracio ĉe Pont d'Arc (Kosto proksimume 8 NF). Banado.
17a : Oficiala inaŭgurado de la Tendejo ZAMENHOF kun partopreno de ĉefaj instancoj kaj Radio-Televido franca.
21a : Plenaera folklora festo (senpaga por la esperantistoj) en publika parko.

*Lunde 24a* : Surŝipa ekskurso tra la kanjonoj de Ardèche : belega tuttaga promenado sendanĝera en mirinda pejzaĝo (kosto po-persone : 25 NF) Maksimume 30 personoj. Kunportu manĝaĵojn.

*Marde 25a* : Mateno libera.
Posttagmeze : Vizito de Aven d'Orgnac : la plej grandioza groto eŭropa (kosto po-persone : 5 NF — infanoj : 2,5 NF).

*Merkrede 26a* : Mateno libera.
Posttagmeze : Vizito de Bierfabriko de Ruoms kaj de l'muzeo de la fama verkisto Alfonso DAUDET (en lia naskiĝdomo) Senpaga.

*Jaŭde 27a* : Ekskurso al Aubenas tra « Défilés de Ruoms » Akcepto de Vivara Stelo kaj de la urbestro. Vizito de la kastelo ; poste de truitbredejo kaj nilonfabriko (senpaga).

*Vendrede 28a* : Ebleco denove ŝipveturi por la personoj, kiuj ne partoprenis la ekskurson en kanjonoj la lundon (kosto vidu supre). Ebleco viziti Aven Marzal : ankaŭ belega groto kun mirindaj stalagtitoj kaj stalagmitoj (kosto 5 NF — infanoj 2,5 NF).

*Sabate 29a* : Tuttaga ekskurso aŭtobuse sur Cevenaj montoj. Tagmanĝo ĉe gastejo de la Loire-fonto piede de Mont-Gerbier-de-Joncs. Vizito de lago de Issarlès — Valbaro de Lapalisse — Gastejo de Peyrebeille k.t.p. (kosto inkluzive tagmanĝon : 20 NF — infano 8 NF).
Vespere : Adiaŭa kampofajro.

*Dimanĉe 30a* : Libera tago — disiĝo.

ALIĜO : 5 NF — POŜTKONTO LYON 4480-41 — VIVARA STELO

# RONDO "GRAJNOJ EN VENTO" POR ESTONTAJ GEINSTRUISTOJ

Al geinstruistoj kaj gejunuloj deporinstruistaj lernejoj !

Laŭ niaj informoj pri tiu ĉi problemo, neniam en la historio de Esperanto la intereso por la Internacia Lingvo estis tiel granda ĉe la tutmondaj instruistoj, kiel ĝi estas nun. En multaj landoj kursoj estas malfermitaj en porinstruistaj lernejoj (seminarioj, « Normalaj Lernejoj »). Bedaŭrinde la kontaktoj inter tiuj lernejoj estas preskaŭ nulaj, kaj tio kaŭzas grandan malavantaĝon kaj perdon por nia Movado.

Tial « Grajnoj en vento », la interlernejaj rondoj, proponas la tujan efektivigon de rondo *ekskluzive* rezervita al la porinstruistaj lernejoj en la mondo. Ni ne atendu, ĉar la momento estas plej bona : la subskribinto akceptas fari la preparan organizan laboron kaj eldoni la unuan gazeton verkitan de gestudentoj en porinstruistaj lernejoj *jam la 1-an de junio proksima.* Tutevidente estas la tasko de instruisto aŭ intruistino en porinstruista lernejo gvidi tian fakan rondon, kaj ni estas certa, ke interesulo sin anoncos ĉe la subskribinto por eldoni la sekvantajn kajerojn kaj gvidi la novan rondon. Tiu rondo estu la kerno por estontaj plej diversaj kulturaj interŝanĝoj.

Geinstruistoj en porinstruistaj lernejoj, sendu al la ĉisuba adreso por la 1-a de junio 1961 en nombro 25 (dudekkvin) ekzempleroj kaj sur papero en la internacia formato 21 × 29,7 centimetroj *verkaĵojn kaj desegnaĵojn de viaj gejunuloj.* La verkoj estu plej diversaj, laŭ la laborprogramo de via porinstruista lernejo. Ili havu la nomon, aĝon kaj sekson de sia aŭtoro, ekz. : Jacqueline ROBERT, 17-jara studentino. Aldonu :

1. vian nomon kaj adreson,
2. la nomon kaj adreson de la lernejo,
3. ĉu « Mi estas preta gvidi la novan rondon ».
   ĉu « Mi deziras nur partopreni ».

*FINANCOJ.* Kiam la rondo estos organizita, ĉiu partoprenanta klaso, pro diversaj elspezoj, sendos ĉiujare al sia rondestro 12 (dekdu) internaciajn respondkuponojn, aŭ pagos al li en nacia mono la valoron de 12 int. resp. kup. (20 « steloj » de Universala Ligo). Por la sendo de la unua ekzemplero oni sendu al la subskribinto 3 int. resp. kup.

Ĉiujare la nova rondo eldonos 3 kajerojn, nome la 1-an de junio, 1-an de novembro kaj 1-an de marto, tute same kiel en la aliaj rondoj de la organizo « Grajnoj en vento ». Sendu nur per poŝto « Registrita ». La tarifo postulenda ĉe via poŝtoficejo estas la *speciala tarifo por lernejoj,* t.e. la tarifo por « komercaj paperaĵoj » aŭ presaĵoj, (*sen* letero en la pakaĵo kaj facile malfermebla de la doganisto !).

Ek al la laboro por fruktodonaj interŝanĝoj inter la estontaj geinstruistoj de la tuta mondo !

ADRESO provizora : « Grajnoj en vento », Marcel Erbetta, rue des Pins 66, *Bienne-Biel* 7, Svislando/Suisse.

### *TEMOJ*

*pri kiuj skribas la gelernantoj*

1. *Mia urbo — mia vilaĝo* — la okupoj de la enloĝantoj — niaj industrioj.
2. Mia *familio.*
3. Mia *ĉiutaga vivo.*
4. En nia *lernejo.*
5. La *ludoj* de la infanoj en nia regiono.
6. Niaj plej ŝatataj *sportoj.*
7. *Ekskursoj — geografiaj priskriboj* kun aldono de fotoj, prospektoj, geografiaj kartoj.
8. La laboro en *niaj fakrondoj :*
   a) Esperantista rondo.
   b) filatelista rondo.
   c) teatra rondo.
   d) skolta rondo.
   e) fotografista rondo.
   f) radioamatora rondo.
   k.t.p., k.t.p.
9. Mi *kolektas* — mi *interŝanĝas* kun vi poŝtmarkojn, sekigitajn florojn, koleopterojn, geografiajn prospektojn, ilustritajn kartojn, diskojn, sonbendojn, k.t.p.
10. Niaj *popolkutimoj* — popolkostumoj — naciaj muzikinstrumentoj — festoj — dancoj — kantoj — legendoj de nia regiono kaj lando.
11. Pri kio oni *ridas* kaj *ŝercas* ĉe ni.
12. Niaj *infangazetoj* (*ni aldonas specimenon*).
13. Kiel en nia klaso *ni utiligas* la materialon « Grajnoj en vento » (Bonaj sugestoj por via klaso).
14. Ni *publikigas artikolojn* de « Grajnoj en vento » en nia loka gazeto kaj porinfana gazeto. Jen eltranĉaĵo.
15. Pri *tutmonda paco* per la amikeco kaj la kunlaboro inter la infanoj de ĉiuj popoloj, senkonsidere al raso, religio aŭ vivkoncepto de la koncerna lando (politiktendencaj artikoloj en nia *organizo lerneja ne estas akceptotaj* de la rondgvidantoj).

*Aliajn temojn elektos mem la kunlaboranta klaso !*

*Ĉiu rondo memstare laboras :* laŭ la decido de la plimulto en ĉiu aparta rondo, ties kunlaborantoj *verkos pri la sama temo* por antaŭe fiksita dato, (ekzemple : kiel ludas la infanoj ĉe ni) *aŭ kontraŭe verkos kaj desegnos tute libere, sen deviga temo.*

# LERNEJOJ

## Sukcesoj en Pollando

Per sia letero de la 5-a de Aprilo Prof. D-rino SZABOWSKA, kiu la 13-an de Novembro fariĝis prezidantino de PEA, informis, ke la polaj aŭtoritatoj tre favore rilatas al subskribo de la Konvencio. Jen la ĉefaj punktoj el ŝia letero :

1. Dum la lasta vizito de Prof. SZABOWSKA ĉe la Pola Ĉefministro li esprimis sin preta subskribi kaj dissendi alvokon al diversaj registaroj por ke ili partoprenu en la Konvencio.

2. La Pola Registaro subvenciis PEA per tia sumo, ke el ĝi estos eble ke PEA sendu delegaciojn al Svedujo, Norvegujo, Danlando, Nederlando, Ĉeĥoslovakio, Hungarujo, Bulgarujo kaj Rumanujo por priparoli kun la edukaj kaj aliaj aŭtoritatoj de la respektivaj landoj la demandon de la Interŝtata Konvencio.

3. La kompetentaj ŝtataj instancoj de Pollando aprobis antaŭkonvencian enkondukon de Esperanto en 50 lernejojn ekde la 1-a de septembro 1961 kiel *deviga* studobjekto. Jam estas nomitaj la lernejoj kaj la instruistoj posedantaj la necesajn kvalifikojn.

4. De la 4-a ĝis la 15-a de julio okazos en Gdansk kurso por 50 instruistoj de Esperanto. La programo enhavas metodikon kaj didaktikon de instruado de Esperanto. La kurso okazos je la kostoj de la Ministerio de Klerigo.

5. La programo por la instruado de Esperanto en la elementaj lernejoj (klasoj V, VI kaj VII), en la mezgradaj lernejoj (klasoj VIII, IX kaj X) kaj en la instruistaj lernejoj (du jaroj po tri horoj semajne) estas prilaboritaj kaj troviĝas en la Ministerio de Klerigo por aprobo.

6. Lernolibroj por ĉiuj ĉi lernejoj estas pretigitaj.

7. PEA konstante intertraktas kun la registaro rilate la Konvencion kaj montriĝas, ke Pollando estas preta subskribi ĝin kiel la unua, kondiĉe ke 5 ŝtatoj aliĝos al la Konvencio.





Copie conforme du vœu voté le 18 Mai 1961 par le Conseil Général de la Haute-Garonne

## CONSEIL GENERAL de la HAUTE-GARONNE

## COURS D'ESPERANTO — ORGANISATION dans les ETABLISSEMENTS D'ENSEIGNEMENT

Le Conseil Général,

Considérant l'expansion croissante de la langue internationale Esperanto dont l'enseignement est de plus en plus diffusé à l'étranger grâce à des cours publics et même des émissions de radio,

Considérant que, dès 1954, l'U.N.E.S.C.O. reconnaissait les résultats obtenus dans les échanges intellectuels internationaux grâce à l'espéranto,

Considérant que les Services de l'Education Nationale ont admis, par une circulaire du 11 octobre 1938, le développement des études espérantistes grâce à des cours facultatifs,

Considérant que, dans cet esprit, cet enseignement est organisé dans les écoles d'Alsace et Lorraine,

Considérant le nombre important d'écoles françaises, et notamment d'Ecoles Normales d'Instituteurs dans lesquelles l'enseignement de l'Espéranto est assuré grâce à l'initiative privée et bénévole,

EMET LE VŒU :

1°) Que M. le Ministre de l'Education Nationale donne la possibilité à l'Union Espérantiste Française de présenter l'Exposition Universelle d'Espéranto en Sorbonne, et nomme, au sein du Conseil Supérieur de l'Education Nationale, une Commission d'Etude qui, après avoir visité cette Exposition et s'être informée de toute manière qu'elle jugera utile, et notamment en envoyant un délégué au prochain Congrès Universel d'Espéranto à Harrogate (Grande-Bretagne) devra, en liaison avec la Commission Scolaire de l'Union Espérantiste Française et du Groupe des Educateurs Espérantistes, étudier les possibilités et les modalités de l'introduction graduelle de l'enseignement de l'espéranto dans les écoles. Il devrait être matière facultative au programme de certains examens et, en particulier, à l'examen du baccalauréat.

2°) Que M. le Ministre de l'Education Nationale accepte la création d'un poste de professeur d'Espéranto dans les Etablissements de la Haute-Garonne où les conditions suivantes seraient réunies : a) nombre suffisant d'élèves désirant apprendre l'espéranto ; b) membre de l'Enseignement possédant un diplôme de capacité délivré par l'Institut Français d'Espéranto et consentant à l'enseigner, moyennant rétribution du Ministère.

3°) Que le Conseil de l'Université, sur proposition de M. le Recteur de l'Académie de Toulouse, étudie la possibilité d'ouvrir, en novembre prochain, un cours officiel d'Espéranto à la Faculté des Lettres de Toulouse.

## INSTITUCIO ESPERANTO ĈE LA INSTRUADO

Sekretario : A.M.D. Korff, Hengelolaan 1027, Den Haag, Nederlando. Telefono : 66.20.07.

### *CIRKLO ĈIRKAŬ LA MONDO*

La nederlanda radio-unuiĝo « AVRO » iniciatis serion da radio-elsendoj por infanoj (8 - 14 jaraj), en kiu serio Esperanto ludos ĉefan rolon.

En kunlaboro kun la subskribinto intertempe efektiviĝis la iniciato, pri kiu mi informas vin ĉi sube, esperante, ke ankaŭ vi kunlaboru en ĝi.

CELO : La celo estas pruvi, ke per Esperanto ni povas formi cirklon ĉirkaŭ la mondon, alivorte : kontaktigi infanojn el ĉiuj mondpartoj.

RIMEDOJ : La nederlanda radio-unuiĝo ĉiumonate (je la lasta mardo de la monato, je la 16.30 horo, ondolongo : 298 m. aŭ 402 m. (1007 KC/s aŭ 746 KC/S) ') elsendas por la nederlandaj infanoj specialan programon, kiu temas pri iu ajn lando. En tiu programo oni aŭdas infankantojn, — ludojn, — deklamaĵojn, parolitan leteron k. s. en Esperanto kaj parte en la nacia lingvo kun Esperantlingva klarigo. Je la fino de la elsendo oni petas la nederlandajn infanojn fari malmultekostan donaceton, memoraĵon, (ekz. desegnaĵon, memkolorigitan bildkarton aŭ ion tian), kiu estu tipa pri Nederlando. (Kelkaj infanoj ekz. ensendis florbulbon, paron da lignaj ŝuetoj, memfaritan muelilon k. s.). Samtempe oni anoncas, ke la nederlandaj infanoj ricevos interŝanĝe donaceton el la lando, pri kiu oni ĵus aŭdis.

VIA TASKO : Se vi deziras kunlabori en tiu ĉi tre interesa « cirklo ĉirkaŭ la mondo » (la nomo de la programo), necesas ke :

1. vi povu disponi pri magnetofono por kompili vian programon sur sonbendon (rapideco ne gravas ; uzu la plej rapidan kiun via aparato ebligas). La programo daŭru ne plu longe ol duona horo entute.

2. vi havu kontaktojn kun infangrupo, kiu parolas Esperanton kaj ke vi povu kunlaborigi ankaŭ aliajn infanojn. (En Nederlando kunlaboras pli ol 200 : estas preferinde, ke — se eble — en via lando kunlaboru sama kvanto, por ke ĉiu ricevu ion).

Se vi ensendas sonbendon, vi bonvolu aldoni skribitan leteron, en kiu vi menciu la nomojn de la kunlaborintoj kaj la aĝojn.

KION NI FARAS POR VI ? Post uzo de via sonbendo ni resendas ĝin al vi kun alia programo de nederlandaj infanoj. Tium programon eble vi povas uzi por entrepreni ion saman ĉe via radio-unuiĝo. Krome vi do ricevos la donacetojn de la nederlandaj infanoj.

Jen do la « cirklo ĉirkaŭ la mondo ». Sendube vi estus same entuziasma pri la eblecoj, kiel, ni. Sendu do baldaŭeble al mi sciigon, ke ankaŭ vi kunlaboros kun indiko, je kiu dato ni povos atendi vian sonbendon.

Sendu ĉion al :
s-ro A.M.D. Korff
Hengelolaan 1027
DEN HAAG
NEDERLANDO.

Kun anticipa danko samideane vin salutas, ') ĝis 1-4-1961 : 402 m. (KC/S 746) poste ĝis 1-7-1961 : 298 m. (KC/ 1007) k.t.p., ŝanĝo ĉiam je la unua tago de kvaronjaro.

---

## CONGRES DE LA FEDERATION ESPERANTISTE DU NORD DE LA FRANCE

à AMIENS le 4 JUIN 1961

*Texte de Résolution votée à l'unanimité :*

Considérant :

1° L'utilisation de plus en plus grande de la langue Espéranto dans les relations internationales,

2° Le rôle important qu'elle peut jouer comme instrument de culture,

3° Les initiatives déjà prises par plusieurs pays étrangers, entre autres : LE BRESIL, L'AUTRICHE, LE DANEMARK, LA YOUGOSLAVIE, LA POLOGNE, LA HOLLANDE.

Pour favoriser son enseignement,

LES MEMBRES DE LA FEDERATION ESPERANTISTE DU NORD DE LA FRANCE — GROUPANT LES DEPARTEMENTS DU NORD, DU PAS-DE-CALAIS ET DE LA SOMME — REUNIS EN CONGRES A AMIENS le 4 JUIN 1961, EXPRIMENT à M. LE MINISTRE DE L'EDUCATION NATIONALE LE VŒU QUE SOIENT MISES A L'ETUDE LES MODALITES D'UN ENSEIGNEMENT, A TITRE FACULTATIF, DE LA LANGUE INTERNATIONALE *ESPERANTO* DANS CERTAINS ETABLISSEMENTS SCOLAIRES DE NOTRE PAYS.

**INVITO**

*La estraro de UNIVERSALA LIGO kore invitas ĉiujn kongresanojn al la UL-kunveno en Harrogate por aŭdi interesan paroladon en Esperanto de S-ro ANTHONY BROOKE, membro de U.E.A. kaj aktiva Membro de Universala Ligo. La loko kaj horo de la kunveno estas indikitaj en la Kongresa Programo.*

MECANIQUE ELECTRICITE — Aprilo 60 — artikolo de J. BERTHOUD pri la aŭdebleco de sonoj el diversaj lingvoj meze de la bruo de la maŝinoj. Enter la lingvoj, kiuj servis por eksperimentoj, estas Esperanto. Ĝiaj sonoj havas la saman aŭdeblecon, kiel tiuj de la franca lingvo.

L'un des plus sérieux obstacles à la diffusion de l'espéranto en France est le manque de professeurs qualifiés. Dans beaucoup de villes. des Chefs d'Etablissements scolaires seraient tout disposés à ouvrir un cours. si nos organitions nationales pouvaient fournir des professeurs.

Devant ce danger — dont nous sommes tous solidairement responsables — l'U.E.F. répondant aux directives de l'U.E.A. a formé une Commission Scolaire dont la tâche essentielle consiste à étudier tous les problèmes concernant l'introduction de l'espéranto dans l'Enseignement. Or, parmi ces problèmes. celui de la formation des professeurs d'espéranto occupe l'une des premières places.

C'est pour apporter sa contribution à la solution de cette question que la MAISON CULTURELLE, en accord avec la Commission Scolaire, organise, à partir de cette année, un Stage spécialement orienté vers la formation de professeurs d'espéranto. Ce stage aura donc lieu à Grésillon du 24 Juillet au 6 Août.

Les stagiaires, sous la direction de M. BOURDELON et de M. RIBOT, approfondiront leurs connaissances en espéranto, apprendront à faire un cours de langue internationale et prépareront les différentes épreuves de l'Atesto pri Kapableco pour le samedi 5 Août. En même temps que ce stage pour le Kapableco, aura lieu un stage de 1re année pour enseigner l'espéranto à des débutants ; ce stage jouera le rôle d'école-annexe par rapport aux Ecoles Normales. C'est dire tout l'intérêt de cette préparation !

A cet effort que nous faisons pour organiser ce double stage, doit maintenant correspondre un effort équivalent de la part des Associations et des Groupes. Certes, le nombre de ceux qui veulent se perfectionner en espéranto est important ; sauront-ils profiter de cette occasion ?

Il faudrait que les Associations et les Groupes espérantistes envoient au moins un de leurs membres choisi parmi les jeunes, autant que possible, pour participer à ce stage ; quel notable progrès ce serait, si, dès octobre prochain, grâce à ces nouveaux professeurs, des cours pouvaient s'ouvrir dans une vingtaine de villes où il n'y avait rien jusqu'ici.

Jusqu'au 24 Juillet, il vous reste encore quelques semaines ; ce n'est pas trop pour faire autour de vous une utile propagande et pour contacter ceux et celles qui se joindront à l'un de nos deux stages.

Le Directeur de la M.C.E.

N.B. Les prix sont modérés — Demandez toutes les conditions à : Château de Grésillon — BAUGE (Maine et Loire).

**Nova faldbroŝuro pri Malmö**

Nova, bela kaj multkolora faldbroŝuro aperis pri la urbo Malmö, Svedujo. Tute novaj plurkoloraj bildoj, granda urbokarto kaj ekskursplano por Skanio, la plej suda sveda provinco. Ricevebla kontraŭ unu respondkupono ĉe Malmö Turisttrafikförening, *Malmö*, Svedujo. Skribu en Esp. sed nepre mendu la Esperanto-eldonon.

## IMITINDA INICIATIVO

Sekve de peto de esperantisto, abonanto ĉe la « Urba Biblioteko de Urbo Tours », la vortaro Esperanto-Franca de Waringhien estis aĉetita, kaj estas de nun je la dispono de la publiko en la studĉambro de la Biblioteko, kie ĉiu povas ĝin konsulti.

La Urba Biblioteko, kiu jam posedas esperantajn librojn — plej parte malnovajn — riĉiĝis per tiu moderna kaj grava dokumento. Jen pruvo de la viveco de nia lingvo, kaj de la intereso, kiun ĝi naskas en la intelektaj medioj.

★

A LA REGIE RENAULT, LE MANS. — La Section Espéranto du Comité d'Etablissement « Loisirs et Culture » vient d'éditer une très intéressante brochure de 25 pages ronéotypées, sur le Congrès de Bruxelles. Compte-rendu d'une réunion publique organisée au Mans, cette brochure présente les impressions de congrès des espérantistes manceaux, et constitue une très intéressante documentation sur le Congrès et ses manifestations, ainsi que sur la Belgique.

★

## L'UNESCO ET SES AMIS

Cette nouvelle et très belle revue, organe de la Fédération des Clubs amis de l'UNESCO, a consacré dans son numéro de janvier, un article d'information sur les activités culturelles du Groupe espérantiste d'Angers et de la Maison Culturelle Espérantiste de Grésillon.

★

## *MODERNA LERNOLIBRO DE ESPERANTO.*

*Helsinki*, marto (IGS/466). En la instruado de lingvoj oni celas nuntempe al « natura metodo ».

Laŭ tiu ĉi principo la Fondumo Esperanto kaj U.E.A. kuneldonis novan Esperanto-lernolibron, kiu estas sendube unu el la plej bonaj kaj modernaj, kiuj aperis ĝis nun.

La aŭtoro metis al si la celon krei lernolibron de Esperanto, ĉefe por memlernantoj, per kies metodo oni povu akiri la lingvoscion, uzante nur la lernatan lingvon sen helpo de vortaro kaj gramatiko.

La lernolibro « *Privilegia Vojo al lingvoscio : Esperanto* » estas destinita por internacia publiko, kaj pro tio aldonitaj estas instrukcioj en pluraj lingvoj : angla, dana, franca, germana, hebrea, hispana, hungara, itala, japana, kataluna, nederlanda, norvega, pola, portugala kaj rusa.

KAMPADISTOJ. — Por via internacia kampadlibreto ĉu vi petis de via klubo la kromfolion, kiun eldonis en Esperanto la FICC kaj FIA.

GESKOLTOJ. — Aniĝu al la Skolta Esperantista Ligo : por ĉiaj informoj sin turni al S-ro C.S. Otto, 24 Harvard Terrace, West Orange. N.J. — Usono.

# DE MADAGASCAR, la Grande ILE, des ESPÉRANTISTES MALGACHES VOUS PARLENT !

« Après l'Europe de l'est et de l'ouest, après l'Amérique du nord et du sud, après l'Asie et l'Indonésie, après l'Océanie si lointaine, la semence de l'ESPERANTO pénètre sur les terres d'Afrique.

Comme partout ailleurs, elle rencontre la moquerie, l'indifférence, l'incompréhension et parfois avec l'indolence intellectuelle, les difficultés matérielles.

L'Epéranto a besoin, *aujourd'hui*, de notre travail. Nous mettons notre confiance en cette phrase :

LES HOMMES QUI S'ENDORMENT EN DISANT QUE LA CHOSE EST IMPOSSIBLE A REALISER, SONT REVEILLES PAR LE BRUIT QUE FONT CEUX QUI L'ACCOMPLISSENT ».

Ici à Madagascar, notre très jeune association compte cinquante membres environ, dont quinze rattachés à l'U.E.A.

L'un des nôtres a écrit un livre d'études en langue malgache.

Nous espérons que nos finances nous permettrons de mener à bien cette publication et que la présentation sera digne de son contenu ».

Gervais RANDRIANASOLO
(ancien ministre)

★

M. Henri ROUSSEAU, vice-délégué de U.E.A. à Tananarive, nous présente le pionnier, l'homme qui a su recueillir et protéger la petite semence :

« M. RASOANAIVO est un instituteur de cinquante cinq ans. Seul, il y a trente ans, il s'efforça, par idéal, de se mettre en rapport avec nos associations et de se procurer les livres d'études. Malgré son isolement il a réussi l'examen de « Kapableco ». Quelles que soient ses difficultés, il reste membre de UEA. Avec une confiance inaltérable, depuis trente ans, sans relâche, il use de son influence et ouvre des cours publics.

En 1947, grâce à lui, Madagascar a envoyé de nombreuses signatures à l'ONU pour que soit reconnu l'ESPERANTO !

Jamais sorti de cette île qui se trouve à plus de 9.000 km du berceau et du centre du mouvement, il apparaît comme une sorte de génération spontanée de l'Espéranto ! ».

« Je suis ravi de me faire entendre à tous nos amis si lointains. Que toujours soit gardée la mémoire du génial Docteur L. ZAMENHOF pour son invention, qui me permet cela : me faire comprendre d'un grand nombre d'hommes dont j'ignore la langue !

Ayant trouvé par hasard, il y a plus de 30 ans, le livre : l'Espéranto en 10 leçons » du professeur CART, étonné de la parfaite construction de la langue, j'en ai commencé l'étude, seul, et mon enthousiasme grandit encore en y découvrant cet idéal de fraternité qui se répand si facilement dans mon pays.

RASOANAIVO.

## LA EKSTERLANDA AMIKO.

*Roma*, marto (IGS/463). La katolika movado « Pax Christi » kreis antaŭ kelkaj monatoj la « Internacian Katolikan Korespondon », organismon, kies celo estas helpi la kontakton inter la homoj el ĉiuj rasoj kaj landoj « por la interkomprenîĝo kaj paciĝo de la homaro ».

Per tiu ĉi iniciato « Pax Christi » ne celis formalan korespondalon, sed interŝanĝojn de informoj, kiuj fariĝis ĉiam pli oftaj, vekante inter la korespondantoj la deziron persone konatiĝi. Tiu ĉi aparta aktiveco de « Pax Christi » nomiĝas « via amiko en eksterlando ». Ĝis nun la IKK kontaktigis ĉ. 16.000 personojn. Tamen obstaklo al plia disvastigo de tiu ĉi korespondalo estas la neceso por la partoprenantoj koni plurajn fremdajn lingvojn. La utiligo de la Internacia Lingvo Esperanto certe faciligus tiujn rilatojn.

★

## ĤAOSO EN KASAI.

*Rotterdam*, marto (IGS/464). En artikolo pri la nuntempa situacio en Kasai, la taga nederlanda gazeto « Parool » rimarkigas la malfacilaĵojn, kiuj troviĝas antaŭ la oficistoj de la diversaj sekcioj de la Unuiĝintaj Nacioj tie laborantaj.

« Ĉiu sekcio — raportas la gazeto — disponas je nombro da interpretistoj : la francoj ne povas paroli kun la indonezianoj, nek la angloj povas paroli kun la marokanoj ; la nigerianoj ne komprenas la svedojn, nek la usonanoj la sudananojn.

La lingva ĥaoso estas grandega kaj influas negative la laboron ĉu rilate la tempon ĉu rilate la kvaliton ».

★

*Sinioro RAVELOSON Eugène*, 28, avenue Dalmond, Andravoahangy, Tananarivo, Madagascar — deziras trovi anglan korespondanton aŭ amerikanan, kiu parolas aŭ kiu scias la esperantan lingvon, kaj la anglan.



M. Henri RAMANITRA, professeur plein de dévouement dans ses fonctions officielles, l'est aussi dans les cours publics où il enseigne l'Espéranto. Ces cours ouverts le 15 octobre dernier avec 65 nouveaux élèves, en comptaient 80 le 22 oct., plus 15 autres qui désirent se perfectionner.

Notre sympathique professeur s'étonne toujours de la facilité de la Langue Internationale qui permet, après un temps assez court, d'élargir son horizon et d'aider ainsi à la compréhension des autres peuples.

(Extraits de textes en « espéranto » enregistrés sur bandes magnétiques et traduits en français par J. F.).

photos prises lors d'un pique-nique sur la route d'ANSIRABE le 26 mai 1960.



à 3 km d'Ambatopotsy

Une publication bien connue de Madagascar, « L'ENTRAIDE », revue mensuelle littéraire et corporative de la Mutuelle de Secours et Orphelinat de la Police de Madagascar, a décidé de faire paraître dans ses colonnes un cours complet d'Espéranto en dix leçons.

Nous adressons nos félicitations et nos remerciements à la Direction de cette revue.

## 2a ESPERANTISTA PEDAGOGIA SEMAJNO EN PERPIGNAN

Sub la aŭspicio de la Ministerio de Nacia Edukado okazis plensukcese en Perpignan la 2-a Esperantista Pedagogia Semajno, de la 28-a de Majo ĝis la 3-a de Junio 1961.

S-ro André RIBOT, Ĝenerala Sekretario de U.E.F., prelegis la dimanĉon 28-an de Majo en Lernejo Racine pri la korekta uzado de la participoj en Esperanto.

Lundon 29-an, S-ro RIBOT faris du prelegojn en la Porinstruista Seminario de Perpignan, por la lernantoj de la devigaj Esperanto-kursoj (unuagrada kaj duagrada). Li pritraktis kelkajn tiklajn gramatikajn demandojn.

La saman tagon, en Lernejo Racine oazis publika solena kunveno. Ĉeestis i.a. la Departementa Direktoro de P.T.T., S-ro CAZES ; la ĉefo de la Departementa Servo de la Junularo kaj Sportoj, S-ro GERVAIS ; la Prezidanto de U.E.F., S-ro René LLECH-WALTER ; la Ĝenerala Sekretario de U.E.F., S-ro RIBOT kaj aliaj elstaraj reprezentantoj de la intelektaj medioj de Perpignan. La ĉeestantoj estis regalitaj per Honora Vino kaj, post la paroladoj, ĉiuj ĉeestis la prezentadon de la interesplena Esperanto-ekspozicio per diapozitivoj kun komentoj franclingvaj sur magnetofona sonbendo de S-ro Léo LENTAIGNE el Montpellier. La Sukcesa kunveno finiĝis per efika demonstracio de S-ro LLECH-WALTER pri la genia simpleco de la esperanta gramatiko.

Mardon 30-an, S-ro Dario RODRIGUEZ, el Madrido, prelegis pri gramatikaj temoj en la Kultura Centro Esperantista.

Merkredon 31-an, en Lernejo « Jean ALIO », f-ino Anna VIDAL faris demonstracion pri la instrumetodoj de Esperanto.

Ĵaudon 1-an de Junio, en Lernejo Racine, S-ro RODRIGUEZ parolis pri nova elementa instrumetodo de Esperanto, la « Ora Metodo ».

Vendredon 2-an, oni aŭskultis en la Kultura Centro Esperantista prelegon de S-ro LENTAIGNE.

La Pedagogia Semajno finiĝis per prelego de S-ro Robert GENDRE, el Ille-sur-Têt, pri la internacia korespondado kiel komplemento de la Esperanto-instruado.

La regiona gazetaro tre favore raportis pri ĉiuj aranĝoj.

# "VIVO DE LA GRUPOJ KAJ FEDERACIOJ"

La Redakcio akceptas nur tajpitajn tekstojn en korekta Esperanto. Ni povas aperigi nur presklišojn, NE simplajn fotojn.

*LIONO.*

La 4-an de decembro okazis nia jara festo : la 11-an ni vizitis la grupon en Vienne. La 20. februaro D-ro Hamvai faris prelegon pri Nov-Zelando : 150 personoj respondis al nia alvoko. La 3-an dimanĉon ĉiumonate la grupo kunvenas : informoj, diskuto pri elektita temo, kantoj. La du kursoj malfermitaj en novembro kontentige funkcias. Ni provas organizi grupon por gejunuloj : la interesatoj skribu al F-ino SAGE, 42, rue Louis-Saulnier, Meyzieu (Isère). La Federacio « *Rhône-Alpes* « kongresis la 30-an de aprilo en Saint-Etienne.

*MONTPELLIER*

*Vivo de la Esperantista Grupo dum la jaro* 1960

Dum tiu ĉi jaro iom vigla estisnia grupo. Regule okazis kunveno ĉiujn unuajn lundojn de la monato je la 21-a en la Junulargastejo, 34 strato Universitato. Krom babilado, interŝanĝo de revuoj kaj libroj, estas ofte aparta programo : festo de la Novjaro, lumbildoj pri la Esperanta libertempo, aŭdado de sonbendoj, datreveno de Zamenhof... ktp.

La 24, aprilo ni organizis regionan kamparan kunvenon. Ĉeestis gesamideanoj de Montpellier, Alès kaj Nîmes, sume tridek kvin.

La 9. junio, 17 gelernantoj trapasis ekzamenojn ; 12 sukcesis la Ateston pri lernado kaj 5 la Superan Ateston.



En la liceo de Montpellier pluraj junulinoj vizitadas la E. kurson gvidatan de S-ino LAURENTI, Profesorino pri Beletristiko. (Kliŝo : Editions Françaises d'Espéranto).

Je la invito de nia grupo, dum la unua semajno de julio, angla samideanino : Sinjorino MAJOR, gastigis en Montpellier. Bonega okazo uzi Esperanton ! Ŝi vizitis nian tutan regionon.

De oktobro regule okazas du duagradaj kursoj kaj ankaŭ du unuagradaj (tiuj lastaj kursoj en la junulina liceo).

NORDFRANCA ESPERANTO-FEDERACIO

Morala Raporto 1960

En la jaro 1960 nia federacio nombris 175 kotizantojn.

Publikaj kursoj funkciis en Arras, Amiens, Bourbourg, Caudry, Hénin-Liétard, Lille, Roubaix, Tourcoing kaj Valenciennes.

Krome, S-ano Curnelle, el Marcq-en-Barceuil kaj Bordessoulle, el Berck private instruis esperanton.

*KUNVENOJ :* Nia kongreso okazis en Lille, la 24-an de aprilo. S-ano Curnelle sciigis, ke li decidis eksiĝi kiel federacia Prezidanto. Estig elektitaj : Prezidanto, S-ro Odent el Arras - Sekretario : S-ro Bourgois, el Noyelles-Godault — Kasisto : S-ro Doyelle, el Bourbourg. S-ro Auguez konservis la postenon de Helpsekretario.

Sekvis nia renkontiĝo en Bourbourg. La nova estraro enposteniĝis. Ni estis oficiale akceptitaj de la urbestro, S-ro Vilain.

Tria federacia renkontiĝo havis lokon en Caudry. Ĝi okazis la 16-an de oktobro, en la Zamenhof-jaro. La urbestraro oficiale akceptis nin kun ĉeesto de deputito. Tiu ĉi deklaris, ke li plene aprobas nian agadon kaj substrekis la gravan rolon, kiun nia internacia linvo povas ludi por proksimigi la popolojn.

Ni prezentis rezolucion por enkonduko de esp° en diversajn francajn instruejojn. Poste, ni vizitis brodejon.

Por la jaro 1961, ni planis tri federaciajn renkontiĝojn : unu en Lille, kongresson en Amiens, kaj federacian tagon en Valenciennes por la venonta oktobro.

Krom niaj regionaj manifestacioj, la federacianoj iniciatis fruktodonajn rilatojn kun eksterlandaj esperantistoj.

*AMIENS.*

Danke la agemon de la loka rondo, kongreso de la Nordfranca esperanto-federacio okazis, la 4-an de junio. La komitato preparis la jenan programon :

10 h. Laborkunsido ĉe urbdoma salono kaj honorvino.

ĉefaj temoj : rezultoj de la nacia kongreso en EPERNAY — Esperanto en Norda Francujo — akcepto de eksterlandaj geamikoj, ktp...

13 h. Komuna tagmanĝo kaj loterio.

15 h. 30. Ekzamenoj kaj vizito de la Foiro de Pikardio.

La nuna adreso de la klubo estas : AMIENS-ESPERANTO, 10 rue de Noyon, *Amiens* (Somme) pĉk. Paris 74.12.98.

*AMIENS.*

Vigla laborkunsido, gazetara ekspozico kaj ĉeesto de observantoj el Normandio, Parizo kaj Danlando sukcesigis la duan esperantistan tagon organizitan de Amiens-Espéranto.

Post salutoj de Sroj NACKAERTS kaj ODENT, kvindek delegitoj interŝanĝis siajn spertojn sur la regiona kampo.

S-roj J. GUILLAUME kaj P. PETIT prave instigis la partopronantojn aliĝi al UEF/UEA.

Unuanime akceptitaj la novaj estraro kaj administrantaro konsistas el la jenaj aktivuloj :

Honor-prezidantoj : H. PHILIPPE. HUMEZ kaj R. CURNELLE.

Prezidanto : G. ODENT.

Vic-prezidantoj : s-rino CURNELLE, A. DUMARQUEZ kaj S. STUIT.

Sekretario : L. BOURGOIS, 21 rue Gambetta, Noyelles-Godault (Pas-de-Calais).

Helpsekretario : G. AUGUEZ.

Kasisto : J. DOYELLE.

Gazetara Servo : L. GILOTEAUX.

Membroj : A. CONTART, E. BOUQUIN, M. LESOIN, R. MONNIER LIGOT, POTTIER, BUERICK, LELIEVRE, LENEL, BORDESSOULLE, LENEL, MAUCHIEN, kaj la klubaj delegitoj.

Inter la ĉefaj decidoj estis la helpo al la grupoj, kiuj invitis eksterlandajn prelegistojn ; rezolucio sendita al la Ministro pri Edukado ; novaj kursoj ; planita tri-landa renkontiĝo, biblioteko, ktp...

Bankedo, ekzamenoj kaj ekskursoj finigis la tagordon. Ricevis la Ateston pri Lernado : Sroj R. BOCQUET, B. BARBOT kaj gesroj LELIEVRE.

Ekspozicio kaj regiona kongreso okazos-resp. okazis — en HAZEBROUCK (2/7) kaj VALENCIENNES (22/10/61).

*HENIN-LIETARD.*

Je la instigo de la Esperanta Rondo la amikaro de gelernintoj sukcese intervenis ĉe regiona kongreso de laikaj asocioj en Lillers (Pas-de-Calais).

La kongreskomitato aprobis kaj transsendis la jenan rezolucion al la « Ligue de l'Enseignement » :

« L'Amicale d'Hénin-Liétard souhaite voir le dé-
« veloppement de la langue internationale espéranto
« par la création de sections espérantistes au sein des
« amicales laïques.
« L'espéranto peut et doit être enseigné dans toutes
« les classes primaires et secondaires ».

Du pluaj informoj : la laika amikaro de Hénin-Liétard havas ĉirkaŭ 1.000 membrojn kaj la departementa federacio grupigas pli ol 130.000 aliĝintojn.

*SUKCESAJ KONGRESOJ KAJ... FOIRO.*

La Franc-Norda Esperanto-Federacio kongresis en Lille okaze de la internacia komerca Foiro de la Komuna Merkato. Sesdek francaj delegitoj kaj unu pola observanto kunvenis en la kinejo de la foiro. S-ro Marcel LESOIN bonvenigis la publikon kaj la oficialulojn, t.e. S-ino R. LEMPEREUR kaj S-ro PICAVET. Salutojn sendis Hungaroj, Angloj kaj Hispanoj.

Sekvis informoj pri U.E.F., internaciaj renkontiĝoj kaj la ĝemeliĝo Valenciennes-Düren, kiu konkretiĝis per vojaĝo de dek novaj geesperantistoj al Germanujo.

Per folkloraj diskoj kaj talentaj klarigoj, S-ro E. BOUQUIN prelegis pri Homanarismo kaj lingvoj. Poste oni prezentis kaj komentis serion da diapozitivoj kaj trafa komento preparita de S-ro LENTAIGNE.

S-ro Guy AUGUEZ deklamis poemon dediĉitan al la esperantista tago.

Post amika manĝado kaj kantoj estis ekzamenoj, vizito de la Foiro, intervjuoj de ĵurnalistoj kaj programoj de la renkontiĝoj, kiuj okazis-resp. okazos en AMIENS (4/6/61) kaj VALENCIENNES (octobre).

*VALENCIENNES.*

La grupo plifortigis la lastjaran ĝemeliĝon per reciproka vojaĝo al Düren (Germanujo).

D-ro Reemtsen oficiale akceptis la francajn reprezentantojn nome de la urbestraro de Düren.

Familia gastigado kaj belegaj ekskursoj sukcesigis la dutagan restadon.

*WATTRELOS.*

Per malalta abono la membroj regule havigas al si la plej novajn turismajn faldfoliojn en esperanto.

Jam atingis la sekretariejon ekzempleroj el dek landoj.

*NICO.*

En 1960 la grupo aranĝis ekspozicion en la Internacia Foiro de Nico. Ĉi-jare de la 2-a ĝis la 13-a de marto okazis la sama ekspozicio pri Esperanto en moderna salono tute nova. Ankaŭ tie la delegito S-ro René DEBERNARDI parolis en la televido kaj anoncis kursojn.

*PARIZO.*

La Pariza Grupo informas pri la forpaso de pluraj personoj parencaj al kelkaj tre konataj grupanoj :

— *S-ro Fournier*, la patro de la eks-vicdelegito de UEA en Parizo ;

— *S-ino Gaudry*, la edzino de nia samideano Gaudry, partopreninto de la Koboldaj vesperoj ;

— *S-ro Gerrier*, la patro de nia komitatano, la animanto de la Interancia Libervola Civila Servo ;

— *S-ino Royer*, la patrino de la sindonema kursgvidanto kaj delegito de UEA, membro de la Tradukkonkursa Triopo.

Ni prezentas al tiuj niaj samideanoj niajn elkorajn kondolencojn.

## *PRELEGOJ DE D-RO JOHANO HAMVAI EN PERPIGNAN*

D-ro Jahano Hamvai kaj edzino, el Auckland, Nozelando, estis la gastoj de la Kultura Centro Esperantista de Perpignan dum la tagoj 26*a* de februaro ĝis 1*a* de marto.

La 27 an de februaro D-ro. Hamvai vizitis la Porinstruistan Seminarion de Perpignan, kie okazas regulaj devigaj kursoj de Esperanto sub la gvido de S-ro. René LLECH-WALTER, nia aktiva Prezidanto. Tie li faris esperantlingvan paroladon pri Novzelando kaj respondis la scivolajn demandojn de la lernantoj. Tuj poste li ĉeestis la Esperanto-klasojn por komencantoj kaj por progresantoj, kaj li povis konstati la bonegan scion pri nia lingvo jam akiritan de tiuj estontaj instruistoj. La saman vesperon, sub la aŭspicio de la Polite knika Asocio de Perpignan, D-ro. Hamvai faris prelegon en la Urbodoma Salono « Arago » pri Novzelando, ĝia socia progreso kaj la maoria popolo. Lin prezentis al la publiko S-ro. Llech-Walter, kiu mem estas direktoro de la prelegservo de tiu asocio. La multnombra aŭskultantaro sekvis atente la interesplenan paroladon de D-ro. Hamvai en la esperanta lingvo, kiun tradukis al la franca s-ro. Robert GENDRE.

Antaŭ la prelego okazis gazetara konferenco en luksa restoracio, kie la ĵurnalistoj intervjuis D-ron. Hamvai. La gravaj ĵurnaloj « Midi Libre » kaj « L'Indépendant » aperigis longajn kaj favorajn raportojn, menciante la gravan rolon de la Internacia Lingvo por la kulturaj interŝanĝoj.

### *La Kongreso de la Federacio Rhône - Alpes*

okazis en St-Etienne la 30-an de aprilo 1961. 80 partoprenantoj proksimume kuniĝis en la « Centre de Documentation Pédagogique », kie la Stefananoj atendis ilin. Ĉio estis zorge antaŭvidita de S-ro Rival kaj de liaj helpantoj.

S-ino Uline, Prezidantino malfermis la Kongreson je la 9 h 30 per kelkaj salutvortoj. Poste, la Kongresanoj aŭskultis la raportojn de la agado en la diversaj urboj de la Federacio. 11 urboj estis reprezentitaj pli aŭ malpli grandnombre. Tiuj raportoj montras la malsamecon de la rezultoj en la diversaj urboj : kelkaj grupoj floras aktive dum unu aŭ kelkaj jaroj sinsekve, dum aliaj stagnas, poste estas la malo, kaj oni ne ĉiam komprenas la kialon.

F-ino Perra transdonis la saluton de la Bulgaraj Esperantistoj al la tuta Franca Esperantistaro, kaj ilian inviton viziti Bulgarujon kaj la tieajn Esperantistojn, saluton alportitan en Francujon de S-ino Camille DREVET, la pacifista verkistino, kiu vojaĝis nelonge en Bulgarujo.

Je la 11 h la Kongresanoj estis tre kore akceptitaj de la urbestro de St-Etienne kaj de kelkaj urbkonsilantoj en la Urbdomo. Honorvino estis oferita al ili kaj la urbestro diris tre komprenemajn vortojn pri Esperanto. Ĵurnalistoj ĉeestis kaj fotis por la recenzo.

Poste, ĉiuj Kongresanoj iris en Le Pertuiset, je 14 km, kie, en tre bona restoracio, ili kune manĝis kaj diskutis. Dum la posttagmezo, ili povis promenadi, tro mallonge laŭ sia deziro, sur la kamparo vere tre pentrinda en tiu loko apud la Loire.

*Dum la Kongreso, le jena rezolucio estis voĉdonita, post propono de la grupo de Vienne, intence de la Nacia Kongreso de Epernay :*

*La Federacio Rhône-Alpes, en la Kongreso de St-Etienne la 30 an de aprilo 1961, voĉdonis kaj proponas al la Nacia Kongreso la jenan rezolucion :*

*« Celante vigligi la agadon de la grupoj, la Federacio Rhône-Alpes petas U.E.F. ke la federacioj ricevu ĉiujare,* almenaŭ 2 monatojn *antaŭ la Nacia Kongreso, la tagordon de tiu kongreso por diskuti ĝin dum la Federaciaj Kongresoj, tiamaniere, ke la Nacia Kongreso havu komunan intereson por la nacia agado.*

*Plie, konstatinte la ĉiaman prokraston en la apero de « Franca Esperantisto », deziras, ke estu decidite aperigi* malpli kostan revuon, *eĉ simplan cirkuleron, donante la novaĵojn de la movado,* ĉiumonate, *aŭ se tio ne estas ebla, ĉiudumonate, anstataŭ la nunan revuon, kiu eble postulas tro da tempo kaj da mono ».*

*Rimarku, ke, legante la raporton de 1959, oni povas konstati, ke la samaj plendoj kaj deziroj estis tiam faritaj. Sed, bedaŭrinde neniu ŝanĝo okazis de tiu dato.*

## PROVENCA ESPERANTO-FEDERACIO.

La 30-an de aprilo okazis la XXVII federacia kongreso en Avignan ; la 23-an de aprilo la 29-a datreveno de la Marsejla Grupo.

Ekskurso okazos en Istres la 28-an de majo kaj ekzamena sesio en Marsejlo la 4-an de junio.

*Saint-Germain-en-Laye.*

S-ro Lagrange gvidas kurson ĉiumerkrede en la komunuma lernejo.

**GEEDZIĜOJ**

S-ro Roger IMBERT kaj F-ino Nevenka BRAJCIC geedziĝis en Zagrebo (Jugoslavio) la 29-an de Aprilo 1961. Niajn plej sincerajn bondezirojn !

Ges-roj AMOUROUX sciigas nin, ke ilia filo Jean geedziĝis kun F-ino Marie-Claude BRUNIE la 23-an de Majo 61.

★

Tri poemoj de nia amiko Guy AUGUEZ (Lille) aperis en la libro FLORILEGE 61 (eld. C.O.P.E.L.A.T. Parizo).

40 junaj astronomoj ĉe la observatorio en Zagreb (Jugoslavujo) verkis esperantlingvan libron pri la kosma sorto de nia planedo : « Tragedio en la universo ». Informojn sendas Kroatia Esperanto-Ligo, Amruŝeva 5, Zagreb.

Nia revuo kaj la libro « Sciencaj Studoj » estas haveblaj ĉe la publika biblioteko de Roubaix.

## FEDERACIA KONGRESSO « LANGUEDOC-ROUSSILLON »

Armissan (Aude) la 7-an de majo 1961

## RAPORTO PRI LA AKTIVADO DE LA KULTURA ESPERANTISTA CENTRO DE PERPIGNAN

Dum la laborperiodo nun finiĝanta, la Kultura Esperantista Centro de Perpignan vigle kaj progrese laboris. Ĉefa atingaĵo estis la okazigo de la Unua Esperantista Pedagogia Semajno, sub la aŭspicio de la Ministerio de Nacia Edukado, de la 8-a ĝis la 15-a de decembro pasinta. Pluraj interesaj prelegoj pri pedagogiaj aspektoj de la Esperanto-instruado okazis ; ni menciu la nomojn de la prelegintoj : S-ro René LLECH-WALTER, nia Prezidanto ; S-ro LENTAIGNE, el Montpellier, kies ekspozicio, komentita de li mem per magnetofona sonbendo vekis grandan intereson ; S-ro GENDRE, el Ille-sur-Têt kaj S-ro RODRIGUEZ, el Madrido.

Kulmino de la Pedagogia Semajno estis la solena kunsido en Lernejo Racine, dum kiu S-ro Charles GRANDO, reprezentanto de la klerigaj societoj de la Orientaj Pireneoj, transdonis oficiale la kvalirajn krucojn de la Nacia Merito al nia Prezidanto S-ro LLECH-WALTER, al f-ino Anna VIDAL kaj al S-ro Robert GENDRE pro la servoj faritaj por la disvastigo de Esperanto.

La Departementa Direkcio de la Junularo kaj Sportoj asignis por ĉi tiu Pedagogia Semajno subvencion de 1.000 novaj frankoj.

Alia grava evento estis la vizito kaj prelegoj de Doktoro Johano HAMVAI, el Novzelando, la 27-an de februaro. Unu el la prelegoj okazis en la Porinstruista Seminario de Perpignan, la alia okazis en la kadro de la prelegoj de la Politeknika Asocia, kies direktoro de prelegoj estas nia Prezidanto mem. La alloga temo (Novzelando kaj la maoria popolo), altiris grandan amason de neesperantista publiko. La loka gazetaro tre favore raportis, kaj entute la aranĝo estis altnivela informado pri nia lingvo.

Nova favora cirkonstanco por la propagando de Esperanto estis la vizito de akademiano Delfi Dalmau, el Barcelono, kiu dum parolado en kataluna lingvo en la Politeknika Asocio akcentis, ke oni pli kaj pli konscias, ke ĉiu homo devas funde kaj perfekte scii tri lingvojn : la regiona gepatra lingvo, la nacia lingvo kaj la internacia. Li ankaŭ faris altnivelan prelegon en Esperanto en Lernejo Racine.

Pri la kursoj de Esperanto en Perpignan mi devas mencii la gravan fakton, ke en la Porinstruista Seminario de nia urbo (tio estas, l'Ecole Normale) oni instruas devige Esperanton. Okazas ĉiusemajne du kursoj : unuagrada, gvidata de la administranto de la Seminario S-ro DUCANCHEZ, kaj duagrada, gvidata de S-ro LLECH-WALTER en kiu oni uzas la lernolibron « Por la praktikantoj ». Dum la venonta lerneja periodo okazos tie tri kursoj. Ne necesas multe emfazi la gravecon de tiu ĉi tasko, kiu donos, kiel frukton, aron da instruistoj kun perfekta kapablo pri Esperanto.

Trifoje semajne okazas nedevigaj kursoj en Lernejo Racine ; ili estas gvidataj de F-ino VIDAL kaj de S-roj LLECH-WALTER kaj RODRIGUEZ, krome alia kurso okazas ĉe la Metia Lernejo de Perpignan sub la gvido de F-ino VIDAL.

Feliĉe, tiuj kursoj estas precipe ĉeestataj de gejunuloj, do, tiu plendo ofte aŭdata, ke la junularo ne interesiĝas pri Esperanto ne validas, kiam temas pri la esperantistoj el Perpignan. La plej kapablaj gelernantoj estos premiiaj per vojaĝoj al esperantistaj renkontiĝoj, kaj en la kadro de tiuj aranĝoj F-inoj BONNÉRY kaj Poveda partoprenos nian nacian kongreson en Epernay.

Pri la vizitoj de eksterlandaj samideanoj, ĉiam allogaj kaj interesaj por pruvi la utilecon de nia lingvo, ni povas mencii la nomojn de S-ro SAYLOR, el Aŭstralio ; S-ino MAJOR, el Anglujo ; S-ro QUERALT, el Hispanujo ; S-ino WHITE, el Novzelando ; ges-roj Holland, el Usono ; la jam menciitaj ges-roj HAMVAI, el Novzelando ; kaj-S-ro DALMAU, kaj lastmomente ges-roj HELMUTH el Usono kaj la simpatiaj ambasadoroj de nia frata Esperanto-Grupo de Crailsheim, Germanujo, S-ino Emmy MAAS kaj S-ro KRÜGER, kiuj ĉeestas en tiuj momentoj la Internacian Kongreson de Esperantistaj Fervojistoj en Barcelono.

Nia Grupo preparas novajn manifestaciojn, inter ili troviĝas la Dua Esperantista Pedagogia Semajno, okazonta dum la semajno post Pentekosto, kun prelegoj de S-roj RIBOT, LENTAIGNE kaj LLECH-WALTER, inter aliaj.

Por la venonta laborperiodo oni antaŭvidas plurajn kulturajn manifestaciojn okaze de la datrevenoj de ZAMENHOF kaj de la Deklaracio de la Homaj Rajtoj.

Kiel vi povas rimarki, ni faras ĉiujn klopodojn, por ke nia Grupo pravigu la faman katalunan devizon « Sempre en davant », ĉiam antaŭen !

---

Negro-Usono — Esperanta — Societo, 5006 Drexel Boulevard, Chicago 15, Illinois, U.S.A., deziras korespondi tutmonde kun gesamideanoj, kiuj kavas de 16 ĝis 40 jaroj, pri muziko ĵaza kaj klasika kaj popola, literaturo, fiziologio, folkloro, edukiteco, kaj aliaj temoj ; kaj interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn, librojn, gazetojn, revuojn, kaj ekslibrisojn, kaj paĝnotilojn. Ĉiujn poŝtajojn respondos.

---

TUJ skribu al :
Astronomia Observatorio
ZAGREB - I
Opatička 22
JUGOSLAVIO

por ricevi SENPAGE, la treege belegan broŝuron, kies titolo estas :

Totala SUNEKLIPSO 15-2-1961
kiu estis eldonita de la « Malgranda Scienca Biblioteko de la Kroata Naturscienca Societo, en Zagreb.



S-ro P. Jayer (de kstre) kun ges-roj Hamvai

AUBENAS. — Ges-roj Hamvai vizitis la urbon, kie ilin akceptis la grupo « *Vivara Stelo* ». Jen Ges-roj Hamvai antaŭ la montrofenestroj de la grupa sidejo. Vespere la prelego kaj filmoj trafis gravan sukceson ĉe la urbestraro kaj la cento da gelernantoj, kiuj vizitadas la kurson de P. JAYER, en *Vallon-Pont-d'Arc*. Tie situas la unua internacia kampadejo, kies nomo estos D-ro ZAMENHOF.

### *KOMUNIKO DE LA FRANCA KORESPONDA SERVO*

Ne forgesu indiki : 1. — nomon, antaŭnomon 2. — adreson 3. — aĝon 4. — profesion 5. — temojn pri kiuj vi deziras korespondi 6. — landojn laŭ prefera ordo 7. — Aldoni afrankitan koverton + 0,50 NF poŝtmarkon por ĉiu petita adreso.

Bonvolu ankaŭ indiki poste kiel funkcias la afero !

★

### *ESPERANTO ET BIBLIOTHEQUES*

La bibliothèque publique de DELHI, érigée par l'UNESCO comprend une section « Espéranto ».

Le Ministre de l'Education a accordé une subvention de 300.000 lires pour la section « Espéranto » de la bibliothèque municipale de Bologne.

★

LE MANS. — En ĉi tiu urbo estos bela, vasta, 500 metrojn longa, 20 metrojn larĝa, « avenue du Docteur ZAMENHOF ».

### 14-a *KONGRESO DE KRISTANA ESPERANTISTA LIGO INTERNACIA EN* 1961

K.E.L.I. festos ĉi jare sian 50 jaran ekzistadon dum tiu ĉi kongreso. Ĝi okazos en : *Hockerill Training College, BISHOP'S STORTFORD, Herts., Britujo*, de la 29-a de julio ĝis la 5-a de aŭgusto (tuj antaŭ la U.K. en Harrogate).

Ni kore bonvenigas vin.

Ĉeftemo de la kongreso estos : « *NIA TRUMPETO SONU* ».

Krome okazos bibliaj studoj, distraj kunvenoj, filmprezentadoj kaj ekskursoj i.a. al Cambridge kaj Clacton-on-Sea. Ni faros tuttagan ekskurson al la brita ĉefurbo Londono.

Prezo de la partoprenado en la tuta kongreso, inkluzive de restado, manĝado, tranoktado kaj la tuttaga ekskurso estas 9.10.0.

Plurajn informojn donos al vi la kongresa sekretario :

S-ro F. Douglas Murphy, 7 Constable Road, IPSWICH (Suffolk) BRITUJO.

### *FEDERACIO « LANGUEDOC-ROUSSILLON »*

Dimanĉon 7-an de majo, la Esperanto-Federacio « Languedoc-Roussillon » okazigis en la ĉarma urbeto Armissan (Aude) sian regionan kongreson.

Matene, la kongresanoj estis akceptitaj de la urbestro S-ro DÉZARNAUD, honora prezidanto de la grupo de Armissan kaj de la federacia dekano S-ro Jules ESCARÉ. Post honora vino en la urbodomo, okazis laborkunsido, dum kiu nia prezidanto S-ro René LLECH-WALTER faris paroladon, emfazante la gravecon de tiuj renkontiĝoj por kunligi la klopodojn de ĉiuj esperantistoj dise laborantaj en la regiono. Esperantistoj el la urboj Alès, Blomac, Cutzach d'Aude, Ille-sur-Têt, Montpellier, Narbonne, Perpignan, Pollestres, Ponteilla kaj Guillan, kaj, kompreneble, de la gastanta grupo de Armissan, vigle intervenis en la diskutoj. Eksterlanda gasto, S-ro RODRIGUEZ, el Madrido, diris salutvortojn. La kunveno finiĝis per la prezentado al la kongresanoj de la tre interesa Esperanto-ekspizicio per diapozitivoj, kun komento franclingva sur magnetofona sonbendo, pretigita de S-ro Léo LENTAIGNE, el Montpellier.

Post komuna tagmanĝo en Narbonne-Plage, la kongresanoj ree kunvenis en la urbodomo de Armissan, kie S-ro René LLECH-WALTER parolis pri siaj rememoroj de la lastaj universalaj kongresoj, kun projekcio de kolorbildoj pri Varsovio, Bialystok kaj Bruselo. La renkontiĝo finiĝis per gaja balo en la urbodoma salono.

La regionaj ĵurnaloj « L'Indépendant » kaj « Midi Libre », kiuj sendis raportistojn al la kongreso, aperigis favorajn artikolojn pri ĝi.

*Mallonge*

Radio-Amatoro, voksigno F 9 E D, en Orléans ankaŭ estas entuziasma ano de la mondlingvo.



(afable pruntedonita de « La Liberté »)

La partoprenantoj en la Kongreso de Centra Montaro antaŭ la Komerca Ĉambro de Clermont-Ferrand, la 11-an de majo 1961.

La 11-an de majo du cent gesamideanoj kunvenis en la Komerca Ĉambro de Clermont-Ferrand. Afiŝoj de la « Francaj Esperantistaj Eldonejoj » kaj de Lyon'a kaj Barcelona foiroj ornamis la Ĉambron, pruvante, ke la komercaj organizoj uzas Esperanton por sia informado.

Tutmondan kolekton da poŝtkartoj, kium alportis S-ro REQUILLARD el Vierzon, allogis la komencantojn kaj simpatiantojn ; ĉiu partoprenanto ricevis koverton kun esperantaĵoj kaj turismaj informiloj, inter kiuj oni rimarkis broŝuron el la urbo Thiers kun du paĝoj en Esperanto same kiel tiu de Auvergne et Bourbonnais.

Sinjoro CHAGNOUX, Prezidanto de la Federacio, malfermis la kunvenon ; apud li oni rimarkis Sinjoron Profesoron LAVARENNE (1), kiu salutis la kongreson, dezirante, ke Esperanto havu en la estontecon la lokon, kiun ĝi meritas. S-ro DEBERNARDI el Nico alportis la amikaĵojn de Suda Francujo, ĉeestis la sekretarioj kaj prezidantoj de la grupoj el Clermont-Ferrand, Cosne/s/Loire, Brive, Nevers, Neussargues, Moulins, Sancoins, Tulle, Vichy, Vierzon.

Post morala kaj financa raportoj prezentitaj de Sinjoroj MAYET kaj VIDAL, ĉiuj grupoj raportis pri la aktivaĵoj kaj informado dum la pasinta jaro. Oni devas tamen bedaŭri pro la tro mallongega tempo permesita al ĉiuj, tiamaniere ke multaj gravaj aferoj ne povis esti pritraktitaj pli profunde. Inter la plej gravaj temoj : la instruado de Esperanto en la lernejoj, la informado pere de projekciado de filmoj kaj diapozitivoj rilatantaj pri Esperanto-Kongresoj Internaciaj, en kiuj ĉeestis gesamideanoj el nia regiono. Ĉefe estas notindaj la projekcioj de diapozitivoj, prezentitaj pri Brusela kaj Varsovia kongresoj de S-ro BLANC instruisto el Sancoins, Profesoro DESSAPT kaj LACOUR el Thiers, kaj pri la Kulturdomo Grésillon de S-ro VIDAL el Clermont-Ferrand (2). Oni notis ankaŭ multajn akceptojn de eksterlandaj gesamideanoj kaj grupoj, kiolestas la plej bona maniero plifortigi la amikecon inter diverslandaj homoj kaj pruvo de pli kaj pli granda vigleco de nia movado.

La ĉeestado de impona grupo de junulinoj el la instruistinaj lernejoj de Bourges kaj Sancoins montris la rezulton de la senlaca agado de nia Samideano S-ro BLANC el Sancoins. Kelkaj lernantoj de la Teknika liceo el Thiers ĉeestis kun S-ro DESSAPT, kiu gvidas nedevigan kurson jam de multaj jaroj en tiu ĉi grava lernejo. Sinjorino la Intendantino de la gimnazio en Bourges honoris per sia ĉeestado nian kongreson.

Ĉiuj membroj de la Federacia Estraro estis unuanime reelektitaj, kaj oni proponis Thiers por la venonta kongreso.

La akceptado en la urbodomo estis tre varma. S-ro Doktoro THEVENET, reprezentanto de l'Urbestro, faris tre interesan paroladon pri nia movado kaj nia celo, tiu de la pioniroj de internacia interkompreno.

Ĉeestis S-ro COHANIER, S-ro ROUSSEL kaj Fraŭlino LARBOURET, urbkonsilantoj, S-ro GUERLAC, profesoro en liceo kaj S-ino DEJEAN, Direktorino de la liceo Jeanne d'Arc.

La gesamideanoj tagmanĝis en la aerostacio de Aulnat kaj poste multaj flugis dank'al la afableco de la aerklubo de Clermont-Aulnat.

---

(1) S-ro Lavarenne verkis multajn librojn, inter ili « Bon public, est-ce qu'il t'auront » kun grava parto pri Esperanto ; li verkis la antaŭparolon en « Esperanto fil d'Ariane du cœur et de l'esprit ».

(2) La Federacio donos ĉiuj sciigojn al la grupoj kaj simpatiantoj. kiuj deziras organizi vesperon kun projekciajoj : 58, Avenue des Landais, Clermont-Ferrand ; Puy-de-Dôme.

La regionaj jurnaloj bone raportis pri nia kongreso. « La liberté » bonvolis prunti al ni kliŝojn.

★

KARINTIA FOIRO. — De la 10-a ĝis la 20-a de aŭgusto okazos tiu aŭstria foiro en Klagenfurt. Interesatoj ne forgesu peti de la foiroficejo sub la adreso : « Messeamt, Klagenfurt, Messehalle, Valentin Leitgebstrasse » esperanto-prospektojn kaj informojn en la Lingvo Internacia.

BOURGES.




(Donaco de « Editions Françaises d'Espéranto)

La Esperanto-grupo de la Porinstruistina Seminario en Bourges kun la instruistoj : malde stre, GITTON, en la centro, Fino DUMARCAY, aj de stre, S-ro BLANC.

## EPERNAY.

Post la ĝenerala kunveno jen la estraro por la jaro 1961 :

Prezidanto : S-ro DEBEAUNE.
Vic-Prezidantoj : S-ino MAHY, S-ro MONGEOIS.
Sekretario : S-ro DEBAR.
Helpsekretario : S-ro FERRAND.
Kasisto : S-ro LORRAIN.
Help-kasisto : S-ro HEMART.
Arkivisto : S-ro MAHY.
Membroj : F-ino VILLEMAIN, S-roj RENARD, VERON, KIRCH Jean.

La Grupo konsistas el sepdek membroj, kiuj pagas kotizon al la loka grupo.

Ĉiuvendrede okazas kunveno kaj du kursoj :

1° Supera kurso (traduko pri nia regiono kaj la ĉampano).
2° Elementa kurso por komencantoj.
3° Finfine la grupanaro kantas, ludas per Esperanto.

La 16-an de februaro la « Epernay-grupo tre ĝoje akceptadis Gesinjorojn J. HAMVAI, Novzelandajn Esperantistojn.

*La unuan tagon* dum la posttagmezo ili vizitis la firmaon MOET et CHANDON, interesigitaj pri la maniero elfabriki la ĉampanon, kaj kompreneble ankoraŭ iom pli dum la gustumado de tiu bona trinkaĵo. Estis la Grafino Emmanuel de Maigret mem, kiu gvidis niajn Esperantistojn ; tiamaniere S-ro DEBAR, Sekretario, pruvis al ŝi la valoron de la Internacia lingvo. Vespere D-ro J. HAMVAI faris prelegon kaj montris kolorajn filmojn kaj fotojn pri Novzelando. La loka ĵurnalo raportis artikolojn pri tiu fakto.

*La duan tagon* ni veturis ĝis Reims, ni vizitis la katedralon kaj diversajn kuriozaĵojn.

Bedaŭrinde alvenic la momento de la disiĝo : « ĝis revido, Gesinjoroj J. HAMVAI kaj daŭrigu vian propagandon pri nia amata lingvo ».

## CHAMPAGNOLE.

La 8-an de januaro, 4 samideanoj el Champagnole vizitis la Besançon-an grupon. Por reciproki la viziton deko da besanconaj esperantistoj iri al Champagnole la 5-an de marto. Samideanoj el Ornans, Pontarlier kaj Lons-le-Saunier ankaŭ ĉeestis, tiel ke la kunveno ŝajnis federacia kongreseto.

Niaj amikoj en Champagnole tre bone aranĝis la kunvenon, en la granda salono de la urbo-domo, kaj grandan ekspozicion en la biblioteko. Oni parolis pri lokaj esperanto-okazaĵoj. Oni aŭskultis la sonbendon pri Harrogate, eldonitan de la Loka Komitato, kaj oni precipe multe parolis pri la estinta agado de nia kara samideano Marcel GEORGE.

Oni decidis aranĝi novan kunvenon en Champagnole la 4-an de junio, kun ekskurso al la belega lago de Chalain. Ni esperas, ke svisaj kaj eble germanaj samideanoj povos ĉeesti.

Oni donis ankaŭ informojn pri vojaĝo al Freiburg en Brisgau, kiu okazos la 30-an kaj 1-an de majo. Jam 15 personoj aliĝis. Ni petis la aliajn interesatojn rapide sendi sian aliĝon, aŭ peti informojn de S-ino Trésorier, 2, rue des Lilas — Besançon.

Post la matena kunveno, la urbestro akceptis nin en la biblioteko kaj regalis nin per ĉampano kaj bonegaj kuketoj. Ĉiuj ĉeestantoj estis tre kortuŝitaj de lia afableco kaj simpatiaj vortoj por nia lingvo.

Finfine, la suno estis ĉe la rendevuo kaj helpis al la agrableco de tiu kunveno, kiu lasos al ĉiuj partoprenintoj neforgeseblajn rememorojn.

Ni devas multe danki niajn amikojn por la agrabla tago, kiun ili preparis por ni en Champagnole kaj ni deziras havi aliajn similajn renkontojn dum la venontaj monatoj.

J. TRÉSORIER

# RECENZOJ

*La redakcio recenzigas nur duope ricevitajn librojn, ĉar 1 ekzempleron ricevas la biblioteko.*

**LA POZICIO DE ADVOKATO EN DIVERSAJ LANDOJ.** Raportoj faritaj okaze de la publika kunveno de Internacia Asocio de Jusristoj-Esperantistoj, la 1-an de Aŭgusto 1960, en Bruselo, okaze de la 45-a Universala Kongreso de Esperanto. — 17 p. multobligita kajero, formato 21 × 29,5. — Eld. Internacia Asocio de Juristoj-Esperantistoj, Vanlose (Danlando).

Tiu kajero enhavas raportojn pri la advokataj institucioj en naŭ landoj : Norvegujo, Danujo, Germanujo, Francujo, Belgujo, Anglujo kaj Kimrujo, Bulgarujo, Sovetio kaj Jugoslavio. Ĉiuj raportoj estas verkitaj laŭ la sama plano kaj pritraktas laŭvice la nocion de advokateco, la kvalifikojn postulatajn de la kandidato, la rajtojn kaj devojn de la advokato, ties honorariojn, ties socialan pozicion, kaj la organizon de la profesio.

Koncizeco karakterizas la kontribuaĵojn. En malmulte da linioj estas envicigitaj sumo da informoj, kiujkontentige ĉirkaŭas la temon. Sed ĝuste tiu precizeco, malgraŭ ĝiaj evidentaj meritoj, igas la legadon iom malfacila por tiu, kiu unuafoje komparas jurajn instituciojn de diversaj landoj. Mankas al la plej multaj raportoj gvidfadeno, referenco al la historia evoluo, entute la ĝenerala ideo kiu ebligus kompreni la signifion de tiu aŭ alia institucio en la koncerna lando kaj taksi ĝian valoron kaj originalecon. Sub tiu angulo feliĉe estas verkitaj la raportoj de S-ro Andrej Kamburov, pri la pozicio de advokato en Bulgarujo, kaj de prof. D-ro Ivo LAPENNA, pri la kompara pozicio de advokato en Sovieto kaj Jugoslavio.

Unu prelego estis mallongigita, nome tiu de S-ro DUTHILLEUL. La pozicio de advokato en Francujo tiel estas priskribita en malpli ol duonpaĝo. Tio estas tre bedaŭrinda, ĉar la franca institucio havas karakterizajn trajtojn, kiuj meritus iom ampleksan traktadon. Ekzemple, la ekstudo de la advokataro, kiu havas unikan karakteron, ebligus montri kiel estas certigita la sendependeco de la advokato rilate al sia kliento kaj rilate al la Ŝtato. Tiu organizado donas al la franca advokateco sian ŝtampon de profesio privata kompare al aliaj juraj institucioj kiuj estas publike organizitaj de la Ŝtato mem.

La terminologio embarasis plurajn aŭtorojn. En Norvegujo la advokata titolo estas ligita al pledado ĉe la supera tribunalo, dum la advokatoj ĉe la malpli altaj tribunaloj ricevas aliajn nomojn, kiujn la aŭtoro citas nacilingve. La belga raportisto uzas la anglodevenan terminon « solicitoro » por nomi la reprezentanton de la partioj, kiu zorgas pri la proceduro sed ne rajtas pledi. Nu en Anglujo la solicitoroj povas pledi kaj distingiĝas de la « barristers » en tio, ke ili ne rajtas pledi. Nu en Anglujo la solicitoroj povas pledi kaj no « proceduristo » maloportune difinas tion, kion la franca kaj belga juroj komprenas sub la vorto « avoué », ĉar ĝi povas kvalifiki iun ajn specialiston pri proceduro. Jen unu el multaj aliaj kazoj super kiuj devos kliniĝi, kiel eble plej baldaŭ, la terminologoj de la jurista asocio.

Sed studentoj kaj interesitoj plu ne atendu por konsulti tiun kajeron kaj ĉerpi el tiu ĉi fonto de riĉaj kaj valoraj informoj.

Pierre ROYER.



**Fourcade (L.) : Cours pratique d'Espéranto.** Eld. Editions françaises, Alger, 1960. 139 paĝoj. Prezo : 6,83 NF.

La eraroj svarmas : malzorgo dum la korekto de la presprovaĵo ; nescio de la signifio de la radikoj (*ĝentila = gentil, kurado = cure, k.t.p.*), de la afiksoj (*cigarujo = porte-cigare*), de la prepozicioj (*apud anstataŭ ĉe, el anstataŭ da...*), amaso da evitendaj francaĵoj en la ekzerc-tradukoj, k.s.

Plie ni trovas multajn erarojn pri akuzativo : *aperas grizan ĉielon, densajn nubojn (p. 11), ne venenas ĉiel la situacio (p. 32), la akolitoj ekkantis religia kanto (p. 79), tiu, kiu venas tie... (p. 123) k.t.p.* ; pri negacio : *ĉar mi ne scias nenion (p. 115) k.t.p.* ; pri demando : *forgeso de ĉu (p. 31 kaj 66)* ; pri uzo de la adverboj : *kiel insultemo (p. 66)* ; pri refleksivo : *sia parolado estas elokventa (p. 38), vi bonvolu informi min pri sia adreso (p. 122).*

Same, la franca lingvo estas tre malbone traktita : le plancher beau (p. 18), on frappe. Est-ce que ce sera M. Louis ? (p. 31), l'absence de « ĉi « éloigne la chose démontrée (p. 45), malgré tout ceci, encore je vous aime (p. 52), maintenant pour toujours, vous pourrez vous rattacher à cette femme (p. 54), Dieu punir désire, il arrache la sagesse (p. 69), la bataille de Waterloo devint notoire (p. 99), par l'insulte et la colère chose ne se clarifie (p. 99) 3-4, k.t.p.

Meznombre, oni nombras ĉirkaŭ erarojn en ĉiu paĝo. Ĉi tiu lernolibro do estas neniel rekomendinda.

F. JELENC.



**SEKRETOJ DE LA MARESTAJOJ** — de Peter Giunio, reverkita de lic. Marinko Givoje. Eldonita de Kroata Esperanto-Zagreb, 142 paĝaj broŝurita — Prezo : 7 NF.

Mi ĵus finis la interesan legadon de tiu ĉi libro, la unuan verŝajne pri fiŝoj, kiun oni preskaŭ legas kiel romanon.

Nia literaturo riĉiĝas per tiu ĉi libro, kiu estas uzebla kiel legolibro en kursoj por progresantaj gelernantoj. Kvankam iom monotona, la uzita stilo estas flua ; sed scienco kaj beletro miksiĝas tiamaniere, ke la li-

bro iĝas popolscienca, kontrolita tamen de famaj scienculoj-esperantistoj.

Ni memoru ankaŭ, ke la aŭtoro Peter GIUNIO estas sperta kroata verkisto, kiu tre bone scias prezenti simple komplikajn aferojn.

Oni trovas ĉi tie spertan kaj allogan priskribadon de la marestaĵoj : pri surpriziga vivo de murenoj kaj angiloj, danĝereco de ŝarkoj, ruzaj klopodoj de la ermita krabo por aranĝi al si komfortan loĝejon en la de li malplenigita ventra domo de muresko, venenaj kaptiloj de la maranemono.

La teksto estas ilustrita per 73 bildoj aŭ desegnoj (kelkaj) plurkoloraj). Ĉe la fino sur 7 paĝoj, oni povas legi neologismojn kaj fakterminojn (kun kelkaj naciaj vortoj apude).

Ĉar la aŭtoro kaj la reverkinto, Marinko Ĝivoje estas ambaŭ jugoslavoj, ili precipe pritraktis fiŝojn, kiuj vivas en la adriatika maro.

Recenzo similas iom al kritiko. Sed post tiu ĉi interesa legado, ĉu oni povas kritiki la simplan aspekton aŭ la mezan paperkvaliton ? Nur bedaŭri, ke inter la bildoj oni ne renkontas eĉ unu foton !

Tia, kia ĝi estas, mi metos tiun ĉi libron en mian libroŝrankon apud « Kanako el Kananam » kiel duan libron pri studo de estaĵoj, kiujn oni renkontas ĉu surtere, ĉu enmare.

Jack A. ROUSSEAU

**Rimarko de la redakcio :** pro bedaŭrinda spac-manko ni devis prokrasti la apergion de recenzoj pri pluraj verkoj, delonge senditaj al ni. Ni petas eldonistojn kaj aŭtorojn eskuzi tion ĉi.

---

## *ESPERANTO ET TOURISME*

*SUEDE :* Une nouvelle brochure en couleurs vient de paraître sur MALMO, contenant de récentes photos, une grande carte de la ville et des itinéraires d'excursions pour la Scanie, la plus méridionale des provinces suédoises.

Cette brochure est envoyée, contre un coupon-réponse international, par « Malmö-Turisttrafikörening - Malmö (Suède).

Demander précisément l'édition en espéranto.

*GRANDE-BRETAGNE :* HASTINGS a ajouté une page en espéranto à son dépliant touristique sur Hastings et Saint-Leonard.

Des exemplaires de cette brochure peuvent être demandés directement à « Information-Bureau (E) Verulam Place, Hatsings (Sussex-Grande-Bretagne).

---

## *ANGERS.*

Du interesaj kunvenoj finis, por la sezono 60-61, nian serion de manifestacioj pri la kono de orientaj popoloj.

La 7-an de majo okazis vizito de japanaj kolektoj en la loka muzeo « PINCE », kie oni povas vidi la plej gravan ekspozicion de japanaj gravuraĵoj en Francujo (post Parizo).

# FUNEBRO

La 15-an de Februaro estis enterigita en Besançon, S-ro Marcel GEORGE, emerita profesoro pri franca lingvo en la Instruista Seminario de Besançon, kaj dum multaj jaroj, vigla disvastiganto de nia lingvo.

Li esperantistiĝis en 1936, kaj estis la unua prezidanto-fondinto de la Esp.-grupo en Besançon, kaj de la federacio de Franche-Comté. Li estis la ĉefa realiganto de la tiel nomata « Eksperimento de Besançon » en 1938. Tiam, la Ministro pri Klerigado Jean ZAY estis favora al nia movado, kaj organizis oficialan provon instrui esperanton en duagradaj lernejoj de Besançon. Post nur tri monatoj 12 gelernantoj el tiuj kursoj renkontis en Parizo fremdajn esperantistojn, kiuj partoprenis en la internacia konferenco : « Esperanto en la moderna vivo ». La neesperantistoj, kiuj kontrolis la rezultojn, estis mirigitaj de la facileco, kiujn ili montris, diskutante kaj babilante kun eksterlandanoj per Esperanto.

Ĝis la milito li senĉese laboris por vivigi la movadon en la tuta regiono. Li helpis la fondon de grupoj en Pontarlier, Lons-le-Saunier, Vesoul. Li organizadis renkontojn, kaj eĉ dum la milito li sukcesis kunvenigi la esperantistojn malgraŭ la malfavoraj cirkonstancoj.

Tuj post la milito li rekomencis agi plej energie, organizante vojaĝojn eksterlanden por siaj lernantoj, kaj apogante la nacian kaj regionan movadon per sia aŭtoritato kaj sia granda persona valoro.

En 1952 lia sanstato devigis lin ĉesigi aktivan partoprenon en la agado. Li tamen partoprenis la internacian kongreson en Mainz, kiu estis por li la lasta. Unu jaron poste, li havis la doloron perdi sian karan edzinon, ankaŭ esperantistinon, kaj ĉiam fidelan por helpi lin.

Li ne povis elporti tium vundon, kaj pli kaj pli malfortiĝis ĝis la fino en Yverdon, de kie li estis transportita al Besançon por ripozi apud sia edzino kaj sia unika filino, kiun li perdis multajn jarojn autaŭe.

---

Tiu ĉi vizito estis komentita en Esperanto de pluraj kamaradoj.

La 16-an de majo, ni aranĝis kulturan vesperon pri Irano dank'al la helpo de materialo ricevita de la Irana ambasadorejo, de la Federacio de kluboj U.N.E.S.K.O. kaj de la Asocio Franca-Irana.

Se aliaj grupoj dezirus organizi similajn vesperojn pri diversaj landoj, ni estus pretaj komuniki al ili niajn spertojn. (Skribu al S-ro A. FRANGEUL, 42, rue Pré-Pigeon, Angers).

Ni menciu ankoraŭ, ke la 9-an de aprilo, ni partoprenis la regionan renkonton en la Esperanta Kulturdomo de Grésillon.

La Esperanta Rondo de Angers, krom la subvencio de « Jeunesse et Sport » (500 NF) ricevis subvencion de la urbestraro (100 NF) kaj de la Departementa Konsilantaro (250 NF).

Pluraj gelernantoj trapasis ekzamenon por la 1-a kaj 2-a gradoj.

## Novaj elsendotempoj de la Esperanto-programo en la svisa radio

La tradicia horaro de la Esperantaj elsendoj en la svisa mallongonda radio estas anstataŭita per novaj tempoj. Ekde la 8a de majo 1961 la elsendo de d-ro Arthur Baur okazos lunde je 13.20 kaj ĵaŭde je 22.15 ; la elsendo de prof. Edmont Privat okazos merkrede je 13.20 kaj sabate je 22.15 mezeŭropa tempo. La ondoj estas : 48.66, 31.46 metroj, kaj tagmeze 13.94, kaj vespere 25,61 metroj. La novaj tempoj ebligos al personoj, kiuj ĝis nun eble ne havis tempon je la fiksitaj horoj, aŭskulti la svisan Esperanto-programon. Bonvolu skribi pri viaj spertoj, kritikoj kaj deziroj al Svisa Kurtonda Radio, Esperanto-fako, Neuengasse 23, Bern, Svislando.

★

## KIU (J) POVAS HELPI ?

Sub titolo « En Sovetio ankaŭ ekzistas kino-amatoroj... kaj ili skribas al ni en Esperanto », mi sukcesis dulingvan (francan kaj esperantan) alvokon de sovetaj kinoamatoroj en grava franca revuo « CINE-AMATEUR », kiu estas ankaŭ oficiala organo de la Internacia Unio de Amatora-Kino. Tio estas bona rezultato, tamen ekzistas eblo fari pluajn positivajn paŝojn antaŭen !

Se eksterlandaj amator-kino-kluboj (preferеble al unuopuloj) montras interesiĝon pri interrilato kun la supre menciita Revuo, ili povas rekte al la Revuo sendi informojn (aŭ raportetojn) pri la amatora-kinofaradoj en siaj landoj. Se la materialo estus valora, ĝi estus presita en la Revuo (post traduko) kaj la aŭtoroj *ricevus rekompencon* (senpagan abonon, prikino-libroj).

Kompreneble, la anonco ĉefe validas por la popoldemokrataj landoj, el kie oni ne kutime ricevas informojn pri tiu speciala temo. La legantaro certe komprenos la gravecon de tiu ĉi alvoko, ĉar temas pri tre serioza demonstracio de la eblo de Esperanto kiel ilo de internaciaj rilatoj. Oni sendos ĉiujn informojn al la ĉefredaktoro : S-ro Pierre BOYER, 29 rue Vernet, PARIS (8e), FRANCIO.

★

### CAMPAGNE ANNUELLE DU SOUTIEN

A la suite de la vente des billets de la **CAMPAGNE ANNUELLE de SOUTIEN,** les récompenses suivantes ont été décernées lors du 58e Congrès National à EPERNAY :

1° Mme MEYNARD (Versailles) — (n° 1463) Vojaĝo aller-retour à HARROGATE, kaj restado.

2° Séjour d'une semaine à GRESILLON (n° 2972).

3° Mlle Janine JACQUES (Ste Adresse) (n° 00632) 40 NF en livres.

4° 30 NF en livres. (n° 0039).

5° Mlle Blanche VAZON (Thouars) (n° 1375) 20 NF en livres.

6° M. CORNUT (Alès) — (n° 0051) 15 NF en livres.

7° M. LENHARDT — (n° 1836) 10 NF en livres.

La campagne 1960-1961 est terminée. Mais il faudra penser bientôt à la campagne 1961-1962 pour lui donner encore plus d'ampleur et fournir à notre association des moyens financiers encore plus importants.

Le Trésorier

## EL NIA LETER-KESTO

### *PRI LA NOMOJ DE URBOJ*

Lasante al aliaj la zorgon recenzi la ĵus eldonitan vortaron LÉGER-ALBAULT, mi nur deziras esprimi opinion pri la esperantigo en tiu verko de urbaj nomoj.

Laŭ miaj legoj kaj aŭdoj mi kredis, ke la demando pri traduko de la propraj nomoj estas jam solvita en tiu senco : principe ne traduki, speciale la nomojn de urboj.

Certe oni ne povas rifuzi esceptojn : Londono, pro la malfacileco ĝuste prononci London ; Parizo, ĉar tiu vorto ebligas : Parizano (tamen Parizo ne estas absoluta necesa). Aliparte povas esti oportune, okaze de internaciaj kongresoj esperantigi nomojn malfacile prononceblajn : Kobenhavn, München.

Alia afero koncernas la nomojn de lingvoj, kiuj ne havas la latinan alfabeton, rusa, ĥina, ktp. En tiu kazo ŝajnas evidenta, ke esperantigo signifias : skribo per literoj, kiuj realigas la ĝustan prononcon en la nacia lingvo.

Krom tiuj kazoj ŝajnas, ke oni absolute ne devas traduki. Lyon estas Lyon kaj ne Liono, Bordeaux estas Bordeaux kaj ne Bordozo (!!) nek Bordeo. La leterportistoj konas Blois kaj Bayonne kaj ne Blezo nek Bajono. Do, kial traduki, kial krei vortojn neutiligeblajn ?

Tiuj tradukoj estas ne nur neutilaj sed ankaŭ malutilaj, ĉar ili ridindigas Esperanton kaj incitas la kontraŭulojn moki nin.

Oni diras, ke tio estas por la interna uzo, inter esperantistoj. Mi tute ne vidas utilecon en tio. Se en la konversacio kun fremdulo venos malfacila vorto, ekzemple « Agen », mi montros al li la ĝustan prononcon, kaj li faros kiel eble plej bone. Kaj tiu proksimume bona prononco pli servos al li ol esperantigita nomo, kiun la Francoj neesperantistaj ne komprenus.

P. MARLY.

*N.d.l.R.* — Jen neelĉerpebla fonto de diskutoj, kiujn nur la uzado povos sankcii...

## COMMUNIQUE DE L'U.E.F.

**Membres Bienfaiteurs :**

| | |
|---|---|
| S-ro DESSAPT. | F-ino BOITON. |
| S-ino JUNGEAUD. | S-ro FEREZ. |
| S-ro FRUTOSO. | S-ro GAILLARD. |

| **Dons :** | N.F. |
|---|---|
| S-ro FENEYROL | 5 |
| S-ro THILLAIS | 2,50 |
| Grupo St-Claud | 36,73 |
| S-ino CARRIERE | 10 |
| S-ro BLANC | 6 |
| Grupo Champagnole | 2,55 |
| S-ro RAMBOUILLET | 1 |
| S-ro ALVARO | 0,50 |
| S-ro POCHARD | 2,20 |
| S-ro GOMEZ | 3 |
| S-ino VALA-TRUCHON | 1,40 |

**Membres à Vie U.E.F.**

F-ino PERRA.

Unu Samideano en Parizo, S-ro C.

**Fermeture du Centre National** 34, Rue de Chabrol, PARIS Xe à partir du mercredi 9 Août jusqu'au 8 septembre inclus.

# PRI " NORDA PRISMO "

oni ĵus skribis al ni :

« Estas ĉiam ĝojiga momento, kiam alvenas via mirinde bela kaj tre interesa revuo... » 1).

« ... sinceran dankon pro donacabono al NORDA PRISMO, laŭ mia juĝo la plej bona esp. kulturrevuo. 2).

1) alvenis al la redaktejo,

2) al la donacabonanto.

Ĝuste por teni kaj firmigi la nivelon

« NORDA PRISMO »

la 5-foje aperanta, ilustrita, kultura, socia, literatura revuo kun eminenta kunlaborantaro kaj rutina redaktantaro (*ĉefred. d-ro F. Szilagyi, Baldur Ragnarsson, J. H. Rosbach, V. Setälä, P. Thorsen*) bezonas novajn abonantojn, kiuj por sia bona helpo ricevos bonan kaj utilan revuon et Svedlando.

Abonojn peras *Franca Esperanto-Unuiĝo* :

— jara abonprezo por la 36-44 paĝa eleganta revuo 10 NF.

— eventuala registrita donaca sendo al malpli proksimaj landoj kostas krome : 3 NF.

Por doni kaj havi utilon

## NE PROKRASTU : ABONU TUJ AL

## NORDA PRISMO

---

## *KAFO — BRAZILA RIĈECO*

*Kiel prepari bongustan kafon.*

1) Renovigu la kafprovizaĵon ĉiam post 10 tagoj kaj konservu la produkton ĉiam en vitra aŭ emajlita vazo.

2) Antaŭ ol prepari la trinkaĵon, brogu kafkruĉon, la filtrilon, kaj la tasojn, por akiri pli efektivan koncentrigon de varmeco.

3) Por ĉiu (malgranda) taso uzu po unu supkuleron da kafpulvoro.

4) Elverŝu la akvon, apenaŭ ĝi ekbolos, por ne difekti la guston de la trinkajo.

5) Ne kirlu la pulvoron dum elverŝo de la akvo. Por faciligi la filtradon, degluu la pulvoron de la filtrilmuroj, uzante lignan spatelon.

6) Filtrinte la kafon, disdonu ĝin tuj.

Kaj spertu la plej bongustan trinkaĵon de la mondo : la

KAFON EL BRAZILO !

(El publikigaĵo de Brazila Instituto de Kafo).
El « RIO ESPERANTISTA » N° 62/63.

★

## *INTERNACIA KARTO EN ESPERANTO PROPONOTA AL LA EUROPA ASEMBLEO.*

*Den Haag*, marto (IGS/465). La dusemajna gazeto « Heroldo de Esperanto » informas, ke S-ro Jean Drouot L'Hermine, franca deputito kaj membro de la Eŭropa Parlamenta Asembleo, intencas proponi al la ses Ŝtatoj konsistigantaj la Eŭropan Asembleon krei identecan karton, kiu estu egala por ĉiuj civitanoj de la ses Ŝtatoj.

S-ro Drouot L'Hermine subtenos antaŭ la Eŭropa Asembleo la sugeston, ke la necesaj indikoj en la identeca karto estu presitaj ankaŭ en Esperanto.

★

*Les œuvres communautaires*

Mis en vedette par des jeux de la radio-télévision yougoslave, 40 jeunes astronomes de l'observatoire de Zagreb avaient édité, en espéranto, un compte-rendu de 36 pages sur l'éclipse de soleil du 15 février dernier.

Ces sympathiques amateurs viennent de « récidiver » en publiant un livre sur les questions atomiques intitulé « Tragedio en la Universo ».

(Nord Matin, Lille)

★

### NEKROLOGO

Ni eksciis la morton de la patrino de nia samideano S-ro Robert OLIVAUX la 2-an de Junio 1961.

★

### Décoration

La médaille d'or du Mérite Civique a été remise le 9 Juin 1961 à Mlle LEMONNIER par M. MOLLION, président de l'Union Artistique et Intellectuelle des Cheminots Français (U.A.I.C.F.). Nos plus vives félicitations !

★

### REĜUSTIGO

S-ro A. FRANGEUL petas nin aperigi korekton pri informo, aperinta en N° 199 en la « Jara raporto de UEF : ekzistas nun « Aevnue Esperanto » en **Montreuil-Belfroy**, sed neniu Zamenhof-strato en Montreuil-Bellay. Ni dankas S-ron Frangeul pro tiu necesa atentigo... kaj kaptas la okazon por memorigi al li, ke la redakcio de » Franca Esperantisto » petas **tajpitajn** tekstojn, pretajn por publikigo, kaj principe rifuzas manskribajejn au paperojn, kiuj ne konformiĝas kun la kriterioj legeblaj en ĉiu numéro de nia gazeto sur la dua kovrilpaĝo, Oni bonvolu strikte observi tiujn regulojn, se oni deziras, ke « F.E. » povu aperi pli regule ol ĝis nun. (Ni aŭdis pri tiu punkto multajn plendojn, sed absolute neniun proponon pri taŭga kunlaboro). Aktivan helpon ni bezonas unue !

★

Langres. — Imprimerie Moderne

Le Gérant : J. GUILLAUME